# Fenikso

**FORUMO DE ESPERANTO NEDERLAND**

**www.esperanto-nederland.nl**

**Dumonata membrogazeto de Esperanto-Nederland**
ISSN 1384-6515

Membroj de Esperanto Nederland ricevas la gazeton; la jara kotizo estas € 30,-- (por samdomanoj € 10,--); membroj de NEJ pagas € 15,-- (ties samdomanoj € 5,--); *Fenikso* estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EŬR 17,50.
Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio**: <redakcio@esperanto-nederland.nl>
Gerrit Berveling
Van Vredenburgweg 435 - 2284 TA Rijswijk, Nederlando
+31 (0)70-2134914 - <gerritberveling@ziggo.nl>.

**Esperanto Publike**: Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe la redaktoro Gerrit Berveling, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme
Albert-I-straat 44 - BE 1703 Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro**: Eriko, Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado**: Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.




## ENHAVO



## ĈE LA KOVRILO

En la Fejsbuka paĝo de la Komunumo Bloemendaal staras foto de la transdono de la ĝardenkupono fare de skabeno Kruiswijk. Klare videblas la nepala ĉemiza vorto Esperanto. https://www.facebook.com/GemBloemendaal/
En *Heemsteedse Courant* (7a de junio “de Groenste tuin van Bloemendaal”) kaj *Bloemendaals Nieuwsblad* (14a de junio) aperis artikoleto kun foto de la ĝardeno kaj mia nomo.
La kialo de la transdono de la librokupono: la komunumo Bloemendaal organizis konkurson kontraŭ la ŝtoniĝo de ĝardenoj. La posedantoj de ĝardenoj estis invititaj ensendi fotojn de siaj ĝardenoj. Mi sendis tri fotojn. El la 31 ensendintoj la skabeno lotumis min kaj tial transdonis la kuponon al mi la 6an de junio. Estas interese, ke kiam mi diris ke miaj lernantoj en la kurso ankaŭ ŝatas la verdan ĉirkaŭaĵon, kaj mi respondе al la demando ‘kiu kurso’ diris, ke temas pri Esperanto-kurso, la skabeno diris, ke li havas fratinon kiu estas fervora esperantistino, nome Marita Kruiswijk, konata de la muzikgrupo ‘Kajto’.
Cetere, en la gazeto de la amatoraj ĝardenistoj, *Amateurtuinder* (marta numero) aperis artikolo pri speciala vario de brasiko, ‘eterna’ brasiko, Rubras, (ruĝa brasiko) kiun kultivis Johan van den Hoek. Li klarigas en la artikolo (kun foto) kial li baptis la varion Rubas: ruĝa brasiko. Ĉar li havas alian hobion, nome Esperanto!

## DATOLIMO

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la komenco de julio 2017. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin.

## 1] DE LA ESTRARO

- La **jarkunveno 2017** okazis. La tuta protokolo estas eldonita en tiu ĉi numero. Posttagmeze kantis por ni kaj kantigis nin la sukcesa ĥoro Malvo.
- La **studsemajnfino** okazos 13-15/10/2017 en Krikkenhaar 11, 7627 PA Bornerbroek. Se eble, mem partoprenu aŭ almenaŭ rekomendu ĝin al aliaj: http://esperanto-nederland.nl/ned/studieweekend.php
- La **kotizo** altiĝos en 2018. Vidu detalojn en la protokolo.
-La ŝanĝoj en la **estraro** estas: Said Baluĉi fariĝis prezidanto por 2017/18. Pieter Engwirda restas sekretario por 2017-2019.
- ***Fenikso*** aperos kiel kutime paperforme, tamen legeblas ankaŭ reta versio en: http://www.esperanto-nederland.nl/esp/fenikso.php
- Okazos **Drongo-festivalo**: en Beatrix-halo, la 29-an kaj 30-an de septembro. Federico Gobbo prezentos nian lingvon. Pri pluaj informoj kontaktu kun Bert de Wit: ajf.dewit@ziggo.nl
- La **Zamenhof-festo** kun Kajto k.a. okazos la 28-an de oktobro, en Partycentrum Floor, Dorpsstraat 36, Lunteren. Ĉiuj bonvenas. La detalojn vi povas legi aparte kaj en tiu ĉi numero de *Fenikso* kaj en via retejo: http://www.esperanto-nederland.nl/ned/nieuws.php#177
-Gerrit Berveling finos la laboron kiel **redaktoro de *Fenikso*** kaj Remment Balk finos la laboron kiel membrar-administranto. Ni serĉas anstataŭulojn. Se vi kandidatas, bonvolu turni vin al:
sekretario@esperanto-nederland.nl
Bonan legadon!

## 2] KATEDRA FONDUSO

Karaj membroj de Esperanto Nederland, karaj esperantistoj, karaj ĉiuj!
Jam de longe ekzistas la Katedra Fonduso por havigi al la katedra profesoro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ekstrajn rimedojn por Esperanto-iniciatoj, kiuj helpas al la landa Esperanto-movado en Nederlando.
La Amsterdama katedro estas unikaĵo en la mondo: nenie ordinara profesoro nomumitas pro Esperanto, kaj krome temas pri unu el la plej prestiĝaj universitatoj de la mondo (la tiel nomata "top 100 club").
Longe ni ne atentigis pri ĝia ekzisto. Sed lastatempe la altigo de la garantia sumo postulata de la Universitato



de Amsterdamo por specialaj profesorecoj kreskis tiom, ke kaj UEA, kiu responsas pri la katedro, kaj nia landa asocio devas buĝeti po 10 000 eŭrojn jare. Kaj kvankam ne ĉiam la tuta sumo estas bezonata, tamen niaj financaj rimedoj en la lastaj jaroj tiel reduktiĝis, ke ni povus elteni tion nur maksimume sep-ok jarojn laŭ la nuna elspeza nivelo.
Kompreneble la estraro serĉas ankaŭ eksterajn fontojn. Sed pro simila monmanko en multaj bonfaraj asocioj ni ne povas esti certaj pri sukceso. La decidon, ĉu ni denove ligu nin por kvin jaroj, ni devos fronti jam en la sekva jaro 2018 por la periodo 2019-2024.
Ni do dependos grandparte de libervolaj pagoj, t.e. donacoj. Ĉar nia asocio havas tiel nomatan ANBI-statuson, eblas ĉe la imposta deklaro kalkuli cent-procente la donacosumon, per 5-jara kontrakto. Modelon vi trovas en tiu ĉi Fenikso. Ankaŭ vi mem povas rigardi la formularon kaj detalojn ĉe: www.belastingdienst/schenkingen/overeenkomst
Tamen se vi ankoraŭ havos demandojn, ne hezitu demandi vian kasistinon Loes Demmendaal: Duikerlaan 160, 2903 AC Capelle aan de IJssel. kasisto@esperanto-nederland.nl - Tel: 010 - 2133320
Se ĉiuj, kiuj alte taksas la ekziston de la katedro kaj la laboron de nia profesoro, kontribuos eĉ per relative malgranda donaco, ni devas povi eviti, ke tiel grava atingo, longe preparita kaj unika por nia lando kaj granda parto de Eŭropo, definitive perdiĝu. Reakiri tian postenon iam estontece estus iluzio. Multaj gutoj plenigu la vazon.
Esperante, ke ankaŭ vi konscias pri la danĝero, kaj dezirante, ke ni povu komune subteni la katedron, ni anticipe dankas al vi.

**La estraro de Esperanto Nederland**

Periodieke gift in geld
*Exemplaar voor schenker*

| 1 | Verklaring gift |
|---|---|

De ondergetekende ……………………………………………………………………………

Verklaart een gift te doen aan **Esperanto Nederland**

De gift bestaat uit vaste en gelijkmatige periodieke uitkeringen van (bedrag in cijfers) €…………………….

(bedrag in letters) ……………………………………………………………………………...eŭro

per jaar, die gedurende minstens vijf jaar worden uitgekeerd en uiterlijk eindigen bij:

……........... het overlijden van de schenker

……........... vervallen ANBI status, verliezen baan of arbeidsongeschikt worden

……........... het overlijden van een ander dan de schenker

Eindigt de gift bij het overlijden van een ander dan de schenker? Vul dan de naam in van die persoon.

…………………………………………………………………………………………………

| 2 | Gegevens schenker |
|---|---|

Naam ……………………………………………………………………………..

Voornamen (voluit) ……………………………………………………………………………..

Burgerservicenummer ……………………………………………………………………………..

Geboortedatum ……………………………………………………………………………..

Geboorteplaats ……………………………………………………………………………..

Straat en huisnummer ……………………………………………………………………………..

Postcode en woonplaats ……………………………………………………………………..….

Land ……………………………………………………………………………….

Telefoonnummer ……………………………………………………………….……….

Email-adres …………………………………………………………………..………

| 3 | Looptijd van de gift |
|---|---|

3a Wat is de looptijd van de gift? ☐ 5 jaar ☐ onbepaalde tijd ☐

3b Wat is de datum van de eerste uitkering ☐ - ☐ - ☐

| 4 | Doorlopende Sepa-machtiging voor automatische incasso |
|---|---|

☐ Ik machtig hierbij Esperanto Nederland om mijn periodieke gift in gelijke termijnen per

per maand ☐ per kwartaal ☐ per halfjaar ☐ per jaar ☐

af te schrijven van rekeningnummer (IBAN) …………………………………………………….

Door ondertekening van dit formulier geeft u toestemming aan Esperanto Nederland om doorlopende incasso-opdrachten te sturen naar uw bank om een bedrag van uw rekening af te schrijven vanwege uw donatie aan Esperanto Nederland. (Incassant ID Esperanto Nederland: NL08ZZZ405386560000) En u geeft toestemming aan uw bank om doorlopend een bedrag van uw rekening af te schrijven overeenkomstig de opdracht van Esperanto Nederland. Als u het niet eens bent met deze afschrijving, kunt u deze laten terugboeken. Neem hiervoor binnen acht weken na afschrijving contact op met uw bank.

☐ Ik maak het bedrag zelf over naar rekeningnummer NL10 TRIO 0786 8441 67 ten name van Esperanto Nederland.

| 5 | Gegevens vereniging |
|---|---|

5a Naam vereniging Esperanto Nederland

5b Transactienummer ……………………………………………………………………………

5c RSIN/fiscaal (identificatie) nummer ……………………………………………………………..

| 6 | Ondertekening schenker |
|---|---|

Plaats ……………………………………………………………………………......

Datum ……………………………………………………………………………...

Handtekening schenker ……………………………………………………………………………..

| 7 | Gegevens en ondertekening partner schenker (indien aanwezig) |
|---|---|

Naam ……………………………………………………………………………

Voornamen (voluit) ……………………………………………………………………………

Burgerservicenummer ……………………………………………………………………………

Geboortedatum ……………………………………………………………………………

Geboorteplaats ……………………………………………………………………………

Land ……………………………………………………………………………

Ondertekening

Plaats ……………………………………………………………………………

Datum ……………………………………………………………………………

Handtekening partner schenker ……………………………………………………………

| 8 | Ondertekening namens vereniging |
|---|---|

Naam ……………………………………………………………………………

Functie ……………………………………………………………………………

Plaats ……………………………………………………………………………...

Datum ……………………………………………………………………………

Handtekening namens ontvanger ……………………………………………………………

## 4] LEERSTOEL in Amsterdam aan de Universiteit van Amsterdam

De *internationale taal Esperanto wordt sinds 1948 gedoceerd aan de Universiteit van Amsterdam (UvA).*
*Sinds 1998 bestaat aan de UvA de bijzondere leerstoel Interlinguïstiek en Esperanto, die is ondergebracht bij de leerstoelgroep theoretische taalwetenschap.*
*Professor Dr. Marc van Oostendorp was de eerste docent bij deze leerstoel.*
*Hij werd opgevolgd door Professor Dr. Wim Jansen, die eind 2013 met emeritaat is gegaan.*
*Sinds februari 2014 doceert Professor Dr. Federico Gobbo.*
*Het thema van diens inaugurale rede was: Interlinguïstiek, een vak voor meertaligheid. In de pers is aan deze inauguratie veel aandacht besteed.*

*Volgens de taakomschrijving van de universiteit is de houder van de leerstoel verantwoordelijk voor de continuering en verbreding van het onderwijs en onderzoek op het gebied van interlinguïstiek, met bijzondere aandacht voor de theorie en de praktijk van de plantalen, waaronder Esperanto een centrale rol speelt.*
*Studenten die met succes examen afleggen in de vakken die door de leerstoelhouder worden gedoceerd, krijgen daarvoor hetzelfde aantal studiepunten als voor vergelijkbare vakken.*
*De UvA zet met deze bijzondere leerstoel meer dan een halve eeuw traditie voort van onderwijs in en over het Esperanto, een traditie waaraan tot de creatie van de leerstoel*
*de namen van o.a. Pragano, Middelkoop en Moerbeek onlosmakelijk verbonden zijn.*

*Verantwoordelijk voor de instandhouding en financiering van de leerstoel aan de Universiteit van Amsterdam is de* Universala Esperanto-Asocio*, UEA, gevestigd te Rotterdam. De Vereniging Esperanto Nederland verleent jaarlijks een door de Ledenvergadering vastgesteld bedrag aan deze leerstoel. Deze goedkeuring is geldig voor een periode van 5 jaar en loopt momenteel tot en met 2018.*
*De* Vereniging Esperanto Nederland *heeft een Leerstoelfonds ingesteld.*
*Dit fonds heeft tot doel de leerstoel te ondersteunen bij activiteiten voor de ontwikkeling van Esperanto, die het bestuur van de Vereniging van belang acht.*

## 5] WAAROM EEN APART LEERSTOELFONDS?

*De Vereniging Esperanto Nederland is zich ervan bewust dat de financiën, die door de Universala Esperanto-Asocio en Esperanto Nederland beschikbaar worden gesteld, niet toereikend zijn om de vele nevenactiviteiten te bekostigen.*
*Deze extra activiteiten geven de hoogleraar de mogelijkheid zijn vakgebied een bredere onderbouwing te geven en zijn kennis ook elders ter beschikking te stellen.*
*De verantwoordelijkheid voor de besteding van de middelen van het fonds berust bij het bestuur van de vereniging, waarvan de penningmeester de middelen beheert.*
*Verantwoording wordt afgelegd in een financieel jaarverslag, dat ter goedkeuring aan de algemene ledenvergadering wordt voorgelegd.*
*Donateurs die geen lid zijn van Esperanto Nederland kunnen bij de secretaris dit verslag opvragen.*

*Om dit bijzondere werk te ondersteunen zien wij graag financiële bijdragen tegemoet.*

*Het banknummer is NL10 TRIO 0786 8441 67*
*t.n.v. Esperanto Nederland te Capelle aan den IJssel*
*o.v.v. Leerstoelfonds*

*Het is ook mogelijk met de Vereniging Esperanto Nederland een "Overeenkomst Periodieke gift in geld" af te sluiten. De Belastingdienst geeft deze mogelijkheid.*
*Indien men zich verplicht voor minstens 5 jaar een bepaald bedrag te doneren en wanneer dit is vastgelegd op de door de Belastingdienst beschikbaar gestelde formulieren, bestaat de mogelijkheid deze bedragen als gift totaal af te trekken bij de belastingopgave per kalenderjaar.*

*De formulieren zijn op te vragen bij www.belastingdienst/schenkingen/overeenkomst*
*Daar treft men ook de voorwaarden aan. Eenmalig vindt u de formulieren in deze Fenikso. De penningmeester ontvangt graag beide formulieren van u.*
*Zij stuurt u 1 het exemplaar voor de schenker retour met de gegevens van de vereniging en haar ondertekening.*
*Het adres: Loes Demmendaal, Duikerlaan 160, 2903 AC Capelle aan de IJssel.*
*Ook: kasisto@esperanto-nederland.nl Tel: 010 – 2133320*
*Wij zien uw bijdragen aan het voortbestaan van deze unieke Leerstoel graag tegemoet.*
*Vanwege de academische waarde maar vooral ook voor de vele extra's waarvan Esperanto in Nederland profijt heeft.*

Periodieke gift in geld
*Exemplaar voor schenker*

| 1 | Verklaring gift |
|---|---|

De ondergetekende ……………………………………………………………………………

Verklaart een gift te doen aan **Esperanto Nederland**

De gift bestaat uit vaste en gelijkmatige periodieke uitkeringen van (bedrag in cijfers) €…………………….

(bedrag in letters) ……………………………………………………………………………...eŭro

per jaar, die gedurende minstens vijf jaar worden uitgekeerd en uiterlijk eindigen bij:

……........... het overlijden van de schenker

……........... vervallen ANBI status, verliezen baan of arbeidsongeschikt worden

……........... het overlijden van een ander dan de schenker

Eindigt de gift bij het overlijden van een ander dan de schenker? Vul dan de naam in van die persoon.

……………………………………………………………………………………………………

| 2 | Gegevens schenker |
|---|---|

Naam ……………………………………………………………………………..

Voornamen (voluit) ……………………………………………………………………………..

Burgerservicenummer ……………………………………………………………………………..

Geboortedatum ……………………………………………………………………………..

Geboorteplaats ……………………………………………………………………………..

Straat en huisnummer ……………………………………………………………………………..

Postcode en woonplaats …………………………………………………………………...….

Land ……………………………………………………………………….…….

Telefoonnummer ………………………………………………………………….………

Email-adres ……………………………………………………………….………

| 3 | Looptijd van de gift |
|---|---|

3a Wat is de looptijd van de gift? ☐ 5 jaar ☐ onbepaalde tijd ☐

3b Wat is de datum van de eerste uitkering ☐ - ☐ - ☐

| 4 | Doorlopende Sepa-machtiging voor automatische incasso |
|---|---|

☐ Ik machtig hierbij Esperanto Nederland om mijn periodieke gift in gelijke termijnen per

per maand ☐ per kwartaal ☐ per halfjaar ☐ per jaar ☐

af te schrijven van rekeningnummer (IBAN) ……………………………………………………….

Door ondertekening van dit formulier geeft u toestemming aan Esperanto Nederland om doorlopende incasso-opdrachten te sturen naar uw bank om een bedrag van uw rekening af te schrijven vanwege uw donatie aan Esperanto Nederland. (Incassant ID Esperanto Nederland: NL08ZZZ405386560000) En u geeft toestemming aan uw bank om doorlopend een bedrag van uw rekening af te schrijven overeenkomstig de opdracht van Esperanto Nederland. Als u het niet eens bent met deze afschrijving, kunt u deze laten terugboeken. Neem hiervoor binnen acht weken na afschrijving contact op met uw bank.

☐ Ik maak het bedrag zelf over naar rekeningnummer NL10 TRIO 0786 8441 67 ten name van Esperanto Nederland.

| 5 | Gegevens vereniging |
|---|---|

5a Naam vereniging Esperanto Nederland

5b Transactienummer ……………………………………………………………………

5c RSIN/fiscaal (identificatie) nummer ……………………………………………………..

| 6 | Ondertekening schenker |
|---|---|

Plaats ……………………………………………………………………......

Datum ……………………………………………………………………...

Handtekening schenker ……………………………………………………………………..

| 7 | Gegevens en ondertekening partner schenker (indien aanwezig) |
|---|---|

Naam ……………………………………………………………………

Voornamen (voluit) ……………………………………………………………………

Burgerservicenummer ……………………………………………………………………

Geboortedatum ……………………………………………………………………

Geboorteplaats ……………………………………………………………………

Land ……………………………………………………………………

Ondertekening

Plaats ……………………………………………………………………

Datum ……………………………………………………………………

Handtekening partner schenker ……………………………………………………………

| 8 | Ondertekening namens vereniging |
|---|---|

Naam ……………………………………………………………………

Functie ……………………………………………………………………

Plaats ……………………………………………………………………...

Datum ……………………………………………………………………

Handtekening namens ontvanger ……………………………………………………………

# Protokolo de la jarkunveno 2017

**Esperanto Nederland**
**Jarkunveno 2017, la 26-a, okazinta la 13-an de majo 2017 de la 10-a ĝis la 13-a horo en Kargadoor, Oude Gracht 36, 3511 AP Utrecht.**

**01. Malfermo de la kunveno je la 10.30-a horo fare de Hiddo Velsink**
Hiddo Velsink malfermas la kunvenon, bonvenigante ĉiujn ĉeestantojn. Estas 24 personoj. Li mencias, ke nek li, nek la protokolantino, Madzy van der Kooij, estas membroj de la estraro. Kvin personoj menciis, ke ili ne povas veni: Franklin van Zoest, Anneke Schouten-Buijs, Ronaldo Nobel, Peter Parren kaj Els van Dijk.

Rememoro de la forpasintaj membroj. Hiddo Velsink diras la nomojn: S-ro W. de Graaf, S-ino L. van der Hoek, S-ro H. Wernik, S-ro E. Burg, S-ro A. Hoekstra, S-ino H.P. Muller-Leive, S-ro J.J. Beentjes, S-ro W. Baris kaj S-ro A.P.G. Ploeg. Ni memoras ilin starante.

**02. Fikso de la tagordo kaj envenintaĵoj**
Ineke Emmelkmap konstatas, ke estas kelkaj ŝanĝoj: n-ro 8 estas Fenikso, n-ro 9 estas Jubileantoj. Ni ankaŭ devas priparoli la katedron; Loes Demmendaal diras, ke tio okazos kadre de la buĝeto.
Ĉe la enirejo estas kelkaj senpagaj libroj, sed ankaŭ estas pagendaj libroj. Kelkaj revuoj estas liberaj; Gerrit Berveling ne re-kunportos ilin hejmen.

**03. Protokolo pri la 25-a ĝenerala jarkunveno en 2016** (aperis en Fenikso 2016/2)
Rob Moerbeek volas komenti kelkajn punktojn. Li faris iun ĝeneralan prezentadon pri la historio, estas sur la reto. Pri nr 5: li indikas, ke enspezoj estas bonvenaj por nova agado. Nr 8 nur la nomo de Kitty Balk estas menciita, do verŝajne mankas kelkaj nomoj. La estraro rigardos. Propono de Katalin Kovats: ŝi mem prezentis. Punkto 9 forfalis: dua punkto de punkto 9 temas pri tiu propono. Punkto 11, 4 : Gerrit Berveling demandis pri la ideumadaj tagoj. Komisiono ne efektiviĝas. Tamen estas kelkaj aktivuloj. Rob Moerbeek mencias, ke li ne stimulas ĉiujn membri en NSB, sed nur tiujn, kiuj havas vidproblemojn.
La protokolo de 2016 estas akceptita.

**04. Agadraporto pri 2016** (aperis en Fenikso)
Ne estas rimarkoj. Neniu volas pritrakti iun specialan punkton. Rob Moerbeek dankas la kompilinton.

**05. Financaj raportoj pri 2016**
Parto aperis en la lasta numero de Fenikso. Aliaj paperoj estas disdonitaj surloko. Hiddo Velsink donas la parolon al la kaskontrol-komisiono.
*5.1. Raporto de la kaskontrol-komisiono*. Piet Buijnsters ne ĉeestas, do Bert de Wit raportas: ĉion oni trovis en bona ordo.
*5.2. Rezultkonto pri 2016 kun klarigoj.* Ineke estas reprezentanto de EEU. Ŝi ne trovis la elspezojn en la rezultkonto. Loes Demmendaal erare metis ilin kiel elspezojn de EEU. Loes Demmendaal korektos. Ineke elspezis € 150,--. La rezultkonto estas fiksita; Hiddo Velsink dankas al Loes Demmendaal.
*5.3. Bilanco je 31-12-2016 kun klarigoj.*

**06. Proponoj.**
*6.1. Propono de la estraro*: fikso de la kotizoj por 2018. La estraro proponas ne ŝanĝi la kotizojn. Ans Bakker diras, ke ni ne plendu: ni ne povas ĉion fari, kion ni volas, do estas pli realece altigi la kotizojn. Rob Moerbeek aldonas ke temas pri inflacio; sed tiu estas tre malalta. Plialtigo per € 5,00 estas indiko, ke ni devas pli pagi. Loes Demmendaal tiam devas iri al la banko por demandi, ĉu eblas enkasigi iom pli ol ĝis nun. Ŝi volas unue esplori la eblojn. Ans Bakker diras, ke estas indiko kaj simbolo. Gerrit Berveling kaj Madzy van der Kooij subtenas la sugeston. Rob Moerbeek diras, ke la membroj nur libervole aldonu € 5,00. Gerrit Berveling diras, ke kotizo estas kotizo. Ralph Schmeits diras, ke li volas ricevi la revuon en PDF, do li ŝparos pli ol € 5,00. Loes Demmendaal diras, ke Ralph scias ke ni esploris: se ni ne sendos sufiĉe da ekzempleroj, la kostoj altiĝas. Gerrit Berveling sugestas, ke oni altigu la kotizon; la membro mem pagu € 5,00. Loes Demmendaal diras, ke ĉiu devos mem ensendi novan rajtigilon. Ŝi esperas, ke tio ne signifas ke estos malaltigo de la enspezoj. Estas tri kategorioj; ĉiuj pagu plialtigon per € 5,00. Dum kafopaŭzo la estraro pripensos la aferon. La propono estas jena: membro 30 → 35, samhejmulo: 10 →12,50, NEJ: 15 →15,NEJ-samhejmulo 5 → 5. Abono de Fenikso sen membreco 17,50 → 20. Se tute ne eblas pagi la altigon, la kotizo restas la sama, laŭ la decido de la kasisto.
*6.2. Buĝeto kaj Laborplano 2017.* Estis deficito en 2016. Ne 16.000, sed 11.000. Dank' al donacoj, kaj malpli da kostoj por la katedro. Loes Demmendaal proponas daŭrigi la subtenon de la katedro; cetere estas Zamenhof-Festo, do estas antaŭvidita deficito de € 17.170 en 2017. Pri la katedro, Esperanto Nederland garantiis ĝis 2019. Simple ne eblos plu iri laŭ la sama vojo. Por 2019 ni devas pripensi la daŭrigon de la subteno de la katedro, oni subvencios tra UEA. Ans Bakker proponas al la estraro konsideri kiel grava la katerdro estas: grava por Esperanto, ne nur ĉi tie, sed en la tuta mondo. La estraro revivigu la fonduson "Leerstoelfonds". Cetere ĝi instigu UEA-n daŭrigi la subtenon. Membro povas donaci por 5 jaroj per kontrakto kun la organizo. Kompreneble nur kondiĉe ke la katedro restu kaj ke la mono estu uzata por la katedro. Ŝi emfazas, ke ne nur per vortoj, sed ankaŭ per mono UEA instigu.
Hiddo Velsink konstatas, ke estas du proponoj. La estraro instigu UEA-n – Loes Demmendaal jam faris kaj daŭre faros. La dua: la estraro devas revivigi la fonduson "Leerstoelfonds". Rob Moerbeek diras, ke oni devos verki alvokon por Fenikso. Oni devas aldoni, ke Esperanto Nederland havas ANBI-statuson, do bone rilate la impostojn.

Li verkos artikolon. Ineke Emmelkamp reverkis la broŝuron pri la fonduso. La teksto estos en la retejo. Do du tekstoj: unu de la estraro por Fenikso, la alia, reverkita de Ineke, por la retejo. Eblas doni iom kaj subtrahi de la impostoj, aŭ fari kontrakton, tiam oni povas subtrahi la tutan sumon. Ralph Schmeits diras, ke malalta sumo de € 2.500,-- devigus nin trovi donantojn. Eble necesas fari internacian fonduson. Ne nur Nederlandanoj devas pagi por la katedro. La estraro priparolu tion. La dua punkto: kiom ni pagu en 2019 por la katedro: li proponas € 2.500,-- maksimume. Ans Bakker: la katedro estas respondeco de UEA, Esperanto Nederland helpas, rilate la esperantajn aktivaĵojn de la profesoro. Se estas internacia fonduso, ĉiu mono estos ĉe UEA kaj Esperanto Nederland ne plu havos eblon stiri la aktivaĵojn. € 2.500, ne sufiĉos. € 5.000,-- ni garantiis. Ŝi denove emfazas la gravan pozicion de la katedro ankaŭ por Esperanto Nederland. Do: internacia fonduso de UEA, kaj la fonduso "Leerstoelfonds" por Esperanto Nederland. Tiun sumon la individuoj devas doni. Oni faru bonan reklamon por la fonduso! Ans Bakker diras, ke ŝi ne faras oficialan proponon, sed sugeston. Rudi Koot diras, ke € 10.000,-- ŝajnas granda sumo: ĉiu donu ĉiujare € 50,--, do la afero estas solvita. Bert de Wit volus diri tri aferojn: a. UEA pagas la aferon el la heredaĵo de f-ino Middelkoop; 2. Li subtenas la sugeston de Ans Bakker; 3. Li volas serĉi aliajn eblecojn pri aliaj fondusoj. Ankaŭ ne-Esperantistoj povu pagi. Ĝis nun oni ankoraŭ ne ricevis informon de UEA. Pieter Engwirda: UEA ne volas ne daŭrigi, sed ili esploros. Katalin Kovats diras, ke se Esperanto Nederland donas iun sumon, UEA ne povas ne daŭrigi. Ankaŭ malgrandajn donacojn oni povas subtrahi. Cetere ŝi denove substrekas la eblon de la notariaj kontraktoj. Oni reklamu en Fenikso kaj reteje. Gerrit Berveling aldonas, ke estas grave ke Federico Gobbo estu bone informita. Li estas, laŭ Loes Demmendaal. La kontrakto estas ĝis 2019. Ralph Schmeits diras ankoraŭ: la deficito estas 14%; li demandas, ĉu eblas. Ineke Emmelkamp diras, ke oni jam foje demandis la kunvenon, kaj tiu konsentis pri la deficito. Ĉiu konsentas pri la buĝeto de 2017.

*6.3. Prognozo por 2018. Jam pritraktita sub 05*

**07. Elektoj.**

*7.1. Estraro:*

La nuna estraro konsistas el:
*Rob Moerbeek-prezidanto, 2016/2017, estrarano 2015-2018
*Pieter Engwirda-sekretario, 2016-2017, estrarano 2016/2019
*Loes Demmendaal-kasisto,2016-2019
*Said Baluĉi-estrarano, 2016-2019
*Andries Hovinga-estrarano, 2016-21019
Neniu demisias.
-Rob Moerbeek pretas daŭrigi kiel estrarano, sed preferas, ke pli juna transprenu la prezidantecon.
-Said Baluĉi pretas fariĝi prezidanto dum unu jaro 2017/2018.
-Pieter Engwirda pretas daŭrigi sian funkcion kiel sekretario por du jaroj (ĝis 2019).
Estrarpropono: Said Baluĉi kandidatas kiel prezidanto (voĉdono)
Estrarpropono: Pieter Engwirda kandidatas kiel sekretario dum du pliaj jaroj (voĉdono)
24 membroj ĉeestas, estas 4 rajtigilo. La elektokomisiono konsistas el Kees Bos kaj Ralph Schmeits. Estas 26 voĉdoniloj. Unu sen klara indiko, do ne valida, Said Baluĉi 24 jes, Pieter Engwirda 19 jes. Hiddo Velsink dankas la komisianojn kaj gratulas la estraranojn en la nova funckio.

*7.2. Kaskontrol-komisiono* - Ni devas peti 3 novajn membrojn. Ans Bakker volas membriĝi. Rudi Koot ankaŭ volas fari tion, rezerva loko por Jeanette Bosse. Venontjare Simon Smit faros. Hiddo Velsink dankas al Bert de Wit, ĉar li faris ĝin tri fojojn jam.

*7.3. Arbitracia komisiono.*
*Anneke Schouten-Buijs (2016-2019)
*Johan Swenker (2014-2017)
*Marc van Oostendorp (2014-2017)
La estraro proponas reelekton de Johan Swenker kaj Marc van Oostendorp. Aplaŭde ili estas re-elektitaj.

**08. Fenikso**

Nur 10 reagoj venis pri la enketo de la reta versio de Fenikso. Nur 2 personoj pretis ricevi ĝin rete. Reteje ĉiuj numeroj estas akireblaj, dank' al Ineke Emmelkamp kaj Frans Schild. La konstato estas, ke ni ne ŝanĝu la aferon. Ĉu tio signifas, ke al la 90 % ne gravas? Certe ne, sed multaj membroj ne havas komputilon. Madzy van der Kooij rimarkigas, ke multaj homoj preferas paperajn revuojn; multaj homoj ne legas ilin elektronike. La propono estis de Ralph Schmeits, Katalin Kovats kaj Said Baluĉi. Bert de Wit diras, ke estas risko ke homoj ne plu volas pagi la kotizon, se la plej novaj numeroj tuj estas en la retejo. Sed homoj, kiuj tuj legas la novan en la reto, ne estas la homoj, kiuj preferas ne pagi. Kiam oni metu la numeron en la retejon? Pli bone oni atendu kelkan tempon. Gerrit Berveling diras, ke oni metu la plej freŝan numeron en la reton kun kodo por membro. Nun estas regulo, laŭ Katalin Kovats, ke numero aperas rete kiam la sekva numero aperas. Laŭ Hiddo Velsink la danĝero, ke homoj ne plu pagas, estas sufiĉe malgranda: oni ne membriĝas por Fenikso. Pieter Engwirda timas, ke multaj homoj tuj forĵetas la presitan version, kaj tio estas malbona el media vidpunkto, sed sendi malpli da numeroj plialtigos la prezon. Ineke Emmelkamp ne deziras kodon. Said Baluĉi deziras meti ĝin reten tuj, aliaj post unu numero. Nun estis problemoj pri la sendado, do feliĉe oni povis meti ĝin rete. La redaktoro estas kontraŭ tuja metado retejen. Laŭ li membroj tuj ricevu ĝin. La kodo donas pli da laboro al Frans Schild. Ans Bakker sugestas, ke la estraro plu diskutu ĝin kaj decidu.

**09. Jubileantoj.**

Ni mencias la membrojn, kiuj antaŭ 25 jaroj aliĝis al la asocio ; estas 6 personoj : Hiddo Velsink gratulas ilin. Temas pri S-ro T. Gremmen, S-ro L. Hordijk, S-ro R. Nobel, S-ro A. Spaander, S-ro L. Staghouwer kaj S-ro J. Swenker. Neniu el ili ĉeestas.
Estas listo de volontuloj por Esperanto Nederland kaj Said Baluĉi volas danki ilin. Unue Hiddo Velsink, kiu prezidas la nunan jarkunvenon. Krome Madzy van der Kooij, kiu pli ofte protokolas. Ŝi faros ĝin ankoraŭ unu jaron. Ŝia edzo, Gerrit Berveling ankaŭ ricevas 2 pecojn da ĉokolado pro lia laboro por *Fenikso*. Same Remment Balk pro administrado, Arjen-Sjoerd de Vries kiel i.a. protokolisto, Lilian van der Burgt, Ineke Emmelkamp, kiu ne plu estas membro de la estraro, sed multegon fa-

**TATJANA AUDERSKAJA** naskiĝis kaj loĝas en Odeso, studis biologion en la Odesa Ŝtata Universitato kaj nun laboras en la Odesa Zoologia Ĝardeno.
En sia enkonduko al la ĉi-sube prezentita poemo (el 'Beletra Almanako' 2016/26), ŝi anoncas, ke ŝi decidis verki siajn poemojn laŭ striktaj reguloj pri ritmo kaj rimoj por protesti kontraŭ la moderna tendenco al tute senregula poezia kreado. Ĉiu leganto opinios laŭ sia propra sento.

---

**NATURA EVOLUO**

1 Nun neniu verkas poemojn kun ritm' kaj rimo.
Nun neniu strebas al plej trafa
kaj sole taŭga esprimo.
Nun neniu desegnas projektojn
arkitekturajn permane:
Ĉiuj scias, ke fari tion estas
elspezi la fortojn vane.

5 Nun neniu scipovas kalkuli sen komputilo.
Nun neniu sin sentas sekura,
se en la poŝtelefon' estingiĝis la pilo.
Nun neniu arogus, eĉ sub la influ' de l' impeto,
Eldiri iun penson, kiu ne estus trovebla
en Interreto.

9 Nun neniu kredas al siaj propraj okuloj:
Vero estas nur tio, kion diras al ni superuloj.
Nun neniu eĉ penas pensi memstare:
Per televid' kaj Fejsbuk' ni edukiĝas are.

*NATUURLIJKE EVOLUTIE*

*Nu schrijft niemand gedichten met ritme en rijm.*
*Nu streeft niemand naar de treffendste*
*en enige geschikte uitdrukking.*
*Nu tekent niemand architectuurprojecten met de hand:*
*Iedereen (allen) weet dat dat doen betekent*
*de krachten vergeefs uit te putten.*

*Nu kan niemand rekenen zonder computer.*
*Nu voelt niemand zich veilig,*
*indien in de zaktelefoon de batterijcel uitgaat.*
*Nu zou niemand zich aanmatigen, zelfs onder*
*invloed van onstuimigheid,*
*een of ander idee uit te spreken, die niet op*
*internet staat.*

*Nu gelooft niemand zijn eigen ogen:*
*Waarheid is alleen dat, wat meerderen ons zeggen.*
*Nu tracht zelfs niemand zelfstandig te denken:*
*Met televisie en Facebook worden wij groepsgewijs*
*opgevoed.*

---

**PRI LA POEMO**

**Titolo. Natura evoluo**

**Evoluo=** iompostiome° disvolviĝi (PIV) *langzamerhand*
iompostioma ŝanĝiĝo, aliformiĝo.
Jen amuza difino, ĉar kelkfoje tiaj naturaj okazaĵoj° povas esti ege bruskaj ! Pensu *gebeurtenis* pri tertremo° aŭ erupcio°. *aardbeving; vulkaanuitbarsting*

**Verso 1. Nun neniu verkas poemojn kun ritm' kaj rimo.**

**verki** = ?
Malgraŭ sia rilato kun angle '*to work*' (ndl. *werken)*
'**verki**' signifas en Esperanto: **krei** aŭ produkti ion novan en scienco aŭ arto (PIV).
Rolo kaj graveco/neceso de kreado?
Dank' al tiuj eblas produkti kaj konatigi verkojn artajn aŭ sciencajn.
Kp. Z.: **Koniĝas majstro laŭ sia verko.**
*Aan het werk kent men de meester.*

**'ritm'** = ritmo
Jen malfacile prononcebla mallongigo!
Kial la aŭtorino enkondukas tiun ĉi vorton kun neprononcebla konsonant-akumulado?
Supozeble pro la nombro de la silaboj? Do ĉu ŝi deziras krei klasikan poemadon?
Ni atendu la sekvon !

**Verso 2. Nun neniu strebas al plej trafa kaj sole taŭga esprimo.**

**strebi al**° = *streven naar*
Energie streĉi° la fortojn de la korpo, *inspannen* menso aŭ spirito por atingi celon (PIV).
**strebi al io** por...
atingi, akiri, scii...
**taŭgi** = esti bona por io, uzebla por ia celo (PIV).

**Verso 3. Nun neniu desegnas projektojn arkitekturajn permane:**

Kiel do arkitektoj faras nun?
Dank' al la modernaj maŝinoj, permana desegnado rariĝas.
Eblas ankaŭ, ke post jaroj la aĉeto de komputilo estas malpli kosta ol la ...
senfina pagado de dungitoj°. *werknemer*

**Verso 4. Ĉiuj scias, ke fari tion estas elspezi la fortojn vane.**

**elspezi** = pagi monon (PIV).
**vane** = sen rezulto, senutile (PIV).
Pri kio alia oni povus diri, ke fari tion estas vane?
paroli al surdulo, sekigi tukojn sub la pluvo, konvinki obstinulon°... *stijfkop*
Ĉiu imagu laŭ propra emo°! *eigen zin*
Ĉu vere la antaŭa labormaniero estis tiom laciga°? *vermoeiend*
eble ne, sed tamen temporaba°. *tijdverslindend*

**Verso 5. Nun neniu scipovas kalkuli sen komputilo.**

Ĉu ne jen plendo° iom troiga? *klacht*
Tamen estas ja vere, ke en la tempo bezonata por trovi paperon kaj ajnan skribilon, la komputilo... jam delonge estas preta ! Sed kompreneble, en nia teksto ne temas pri ia ĉiutaga problemeto.
Enkapa kalkulado° ne plu necesas. *hoofdrekenen*

**Verso 6. Nun neniu sin sentas sekura, se en la poŝtelefon' estingiĝis la pilo.**

**sekura** = estante en sendanĝera situacio (PIV).
Kiel **sekurigi** la popolojn kontraŭ la atombombo?
Kion fari por ĝui senton de **sekureco** en sia hejmo?
Kial tio estus nun tiom maltrankviliga?
En la moderna vivo la uzado de tiu telefono ege kreskis. Tiom eĉ, ke multaj ne plu povus imagi normalan vivon sen ĝi.
Parenteze°, kiom da legantoj *tussen haakjes* ankoraŭ riskus vivi en tia kondiĉo hodiaŭ?
**estingi**° = ĉesigi bruladon, lumadon *uitdoven* sed ankaŭ ĉesigi kaj kvietigi la ardon aŭ eksciton
**estingiĝis**: *(zichzelf) uitdoven*

**Versoj 7-8.**

**Nun neniu arogus, eĉ sub la influ' de l' impeto, Eldiri iun penson, kiu ne estus trovebla en Interreto.**

**arogi** = malhumile° postuli, pretendi pri *hoogmoedig* nemeritita honoro aŭ privilegio (PIV).
Kiel kondutas° **arogantulo**? *zich gedragen*
Li kondutas ofende° fiere, *aanstootgevend*
malŝate° vidalvide° al aliaj. *verachtend; tegenover*
Legantoj povas kelkfoje **arogi al** si ...
korekti iajn eldirojn de ĉi tiu artikolo.
Kiel klarigi, ke Interreto onidire estas tiom amase uzata?
**impeto** = granda puŝforto; energio de la antaŭenmovo (PIV), ekz. rompi per digoj la impeton de la riveron.

**Verso 9. Nun neniu kredas al siaj propraj okuloj:**

Ĉu 'kredi siajn proprajn okulojn' aŭ 'al siaj' propraj okuloj?
ambaŭ eblas.
Ĉu vere? Kial?
Pro la multaj informoj el ĉiaj nun disponeblaj fontoj° ni nun konscias°, ke ni ofte scias pli ol tio, kion ni simple vidas aŭ travivas°. *bron; beseffen* *beleven*

**Verso 10. Vero estas nur tio, kion diras al ni superuloj°.** *meerderen*

Ĉu vere? Ĉu ĉiuj legantoj konsentus pri tio?
Tre verŝajne ne. Ĉio dependas de ĉiu okazo aparte.
Kial tamen oni/multaj emas° kredi tion ? *geneigd zijn*
Unuavide oni efektive° emas pensi, *inderdaad* supozi, ke tio veras.
Oni ĝenerale konsentas, ke tiaj homoj ne nur havas pli da **sperto**°, sed ke ili *ervaring*
disponas° ankaŭ pri pli da informoj. *beschikken*

**Versoj 11-12.**

**Nun neniu eĉ penas pensi memstare:**
**Per televid' kaj Fejsbuk' ni edukiĝas are.**

Ĉu la poetino volas insinui ke la moderna homo estas pli influata de multaj aliaj fontoj?
Tre verŝajne, ĉar la informeblecoj iĝis nun multe pli nombraj kaj multe pli ... disponeblaj°. Ekzemple? *beschikbaar*
Ne temas nur pri la ĵurnalo, la televido kaj la radio. Krom tiuj ni disponas nun pri variaj modernaj poŝaparatoj, kiuj siavice° *op hun beurt* ebligas tujan kaj daŭran kaj ĉialokan informadon.
Konkludo? Ni edukiĝas are.
Ĉu ne jen surpriza konkludo?
Certe ni informiĝas are, sed ĉu informiĝi estas sinonimo de edukiĝi?
Laŭ la vortaro, **'eduki'** estas:
direkti la elvolviĝon° de fizikaj, *ontvouwen* intelektaj kaj moralaj kapabloj
kaj **'edukiĝi'** estas do: okupiĝi mem pri tio.
Ĉu la televido kaj Fejsbuk' povas vere eduki?
Ili povus, sed ili ne nur faras tion, ili krome nin

submergas en fatrason° da aliaj informoj. *rommel*

**Interpreto**

**Regula poezia kreado?**

La aŭtorino kritikas la modernan poezion, kun ĝiaj liberaj versoj, kun ĝiaj simplaj vortoj. Tiaj versoj ne sekvas la kutimajn metrikajn regulojn pri longo, ritmo kaj rimado. Do tiaj verkaĵoj meritas° la nomon 'poemon', ĉar ne temas *verdienen* pri la kutima prozo.

Se ni legas la poemon, ni bone vidas regulan rimadon: aa – bb.

Koncerne ritmon, la poetino ŝajnas ne tro respekti striktajn regulojn. Tamen ŝi ne skribas ĉiujn vortojn komplete (vidu vs. 1 ritm'; vs. 6 poŝtelefon'; vs. 7 influ'; vs. 13 televid' kaj Fesjbuk'). Kiel ajn, tio ŝajnas ne okazi, kiam temas pri la ritmo. La nombro de la silaboj en la versoj tute ne estas strikte fiksita !

Plie, tiuj frazoj ne estas prononceblaj pro la konsonant-akumulado.

Eble estas petola° okulumo° al la *schalks; knipoog* klasika poezio, kiu kelkfoje estis tiom nenatura kaj troigita?

**Natura evoluo?**

Ne estas surprize, ke biologino interesiĝas pri la natura evoluo. Sed ŝi ne aplaŭdas la progreson, kiu alportas pli da tekniko kaj malpli da naturo.

La aŭtorino ŝajnas dubi, ke tia evoluo estas profita al la homo. Li perdas kapablojn, kaj pli grave: li perdas sian aŭtonomion.

Pro tio, ĉu ŝi mallaŭdas° la modernan *laken, afkeuren* poezion ? La alia skribmaniero en la moderna poezio instigus° nin supozi, ke la homo *aanzetten* deziras pli da libero. Efektive, ni vidas greganon°, kiu lasas sin gvidi per televido, *kuddedier* Interreto, Fejsbuk', Twitter, Instagram ktp.

**PLIAJ NOTOJ PRI IUJ VORTOJ**

TAŬGI (Verso 2)

Kelkaj ekzemploj laŭ Z.:

**Li taŭgas nek por studo, nek por ludo.**

Eble tamen jes por... laboro?

**Ne taŭgas du ursoj por unu nesto.**

Dirinda kiam?

Se pri ia posedo ekzistas pli ol unu interesato.

**Unu vido taŭgas pli ol dek aŭdoj.**

Konstati persone estas pli ...**fidinde**° *betrouwbaar* ol aŭskulti aliajn.

ELSPEZI (Verso 4)

Z: **Riĉigas ne enspezo, sed...**

**prudenta elspezo.**

*Men wordt niet rijk door inkomsten, maar door voorzichtige uitgaven.*

Alivorte: Per tia elspezo eblas plia... akiro°. Pripensu dufoje antaŭ ol ion aĉeti. *aanwinst*

Z: **Tro da enspezo ne estas tro da pezo.**

*Een te hoog inkomen is geen te zware last.*

Ĉu ĉiu konsentus° pri tio? *eens zijn*

VANE (verso 4)

Z: **El malplena telero vane ĉerpas kulero.**

Senutile.

Z: **Vane vi tentas, mi ne konsentas.**

Sen rezulto.

Z: **Al vi klopodojn kaj al mi suferojn vi kaŭzas, tamen ambaŭ estas vanaj.**

Senfruktaj.

Z: **Servo al Dio vana ne restas.**

Ne restas senrekompenca.

POŜTELEFONO (Verso 6)

La poŝtelefono montriĝis tiom utila, ke ĝi iĝis... necesega (ege necesa), **nepraĵo** (= io <u>nepre</u> bezonata).

Ni havas ne nur telefonon en nia poŝo sed tutan minikomputilon. La malgranda aparato iĝis nemalhavebla°. Ne estas rare, vidi paron *onmisbaar* sidanta en restoracio aŭ amikojn en teraso, ĉiu okupiĝanta pri smartfono.

La avantaĝojn ni ne povas ignori. Aliflanke, esti ĉiam atingebla ege stresigas. Ke direktantoj elspezas multe da mono por partopreni en silentotagoj, estas nova fenomeno !

ESTINGI (verso 6)

Z: **Fajron estingas akvo, pekon°...pardono.** *zonde*

Kiel kredi, ke pardono povus estingi pekon?

Z: **Rigardo duone estingita.**

Z: **Kiu ŝuldojn estingas, riĉecon atingas.**

Ĉu vere?

Kian riĉecon? = almenaŭ sekurecon

KREDI ion/al iu (Verso 9)

**<u>1.Geloven dat iets waar is of iets reëel is, zonder een bewijs te eisen.</u>**

Kazimierz Bein diris: **Kion oni deziras kredi,**

**tio estas jam trikvarone kredata**.

Kiel tio eblas? Ĉu tio tiom simplas?

Estas efektive bone sciate, kaj ofte ripetate,

ke la deziro influas la **cerbon**°. *hersenen*

Kelkaj lernindaj ideoj de Z.:

**Ne kredas ŝtelisto°, ke honestaj ekzistas.** *dief*

**Ne kredu al orelo, kredu... al okulo.**

Alivorte: **Ne kredu al parolo sen propra kontrolo.**

**Ne kredu <u>al</u> iluzioj!**

Ne kredu tion, kion iluzioj sugestas.

Kial ĉi tie <u>kredi 'al'</u>?

Eble ĉar iluzioj mem ne parolas sed tamen ion kredigas.

**<u>2. Geloven dat iets echt bestaat, zonder dat er bewijzen voor zijn.</u>**

Kion pensi pri kredi je **la sonĝoj** aŭ kredi je **la antaŭsignoj, la aŭguroj**°. *voortekenen*

Kiel eblus, ke homoj povus kredi tiajn aferojn?

Iuj, eble multaj, asertas, ke ili jam persone kaj tre klare spertis tion !

Ĉu jen veraĵo aŭ iluzio?

Ĉiu sendube° havas tiurilate sian propran ideon ! *zonder twijfel*

Ĉu tamen oni povas fidi° iajn tiajn antaŭsignojn ? *vertrouwen*

Eble kelkfoje, precipe° ĉe kiaj homoj? *vooral*

eble ĉe spertaj° homoj? *ervaren*

Sed oni estu speciale atenta pri eblaj iluzioj!

Z. **En mia infaneco mi kredis je Dio kaj je senmorteco° de l' animo°.** *onsterfelijkheid; ziel*

Kion tiu eldiro supozigas?

Eble, ke li poste ne plu kredis tion. Li perdis tiun kredon.

Z: **Transmortan vivon la kredo promesas, la pastroj asertas.**

Ĉu ne jen troiga opinio?

Subkompreninde: Se vi kredas la pastrojn!

**<u>3. Pri (ne)kredantoj</u>**

Kiel nomiĝas la homoj kiuj kredas je iu dio?

Ili estas la kredantoj.

Kiel male nomiĝas tiuj, kiuj ne kredas je iuj dioj?

Ili estas **nekredantoj**.

Tiuj **sendiuloj** (la sen-dio-uloj) neas...

la ekziston de iu ajn dio aŭ spirito.

**Nekredemuloj** estas uloj, kiuj...

ne facile volas/emas° kredi. Ili kompreneble° dubas° pri ia supra dio. *geneigd zijn* *twijfelen*

Kion tiuj ĉiam bezonas ?

Pruvojn, faktojn.

Oni nomas ilin ankaŭ... **ateistoj**, laŭ la greka 'a' = sen, kaj 'theos'= dio.

Ĉu tiaj homoj povas iel° vivi sane°, bonfarte° kaj feliĉe? *hoe dan ook* *gezond; welvarend*

Ĉio dependas de ĉiu aparte !

Krome ekzistas ankaŭ **liberkredanoj.** Ili....

akceptas la kredon je Dio, sed agnoskas° neniun el la ekzistantaj religioj (PIV). *erkennen*

Kiel tiaj homoj pravigas sian ultrapersonan kredon?

Verŝajne la diverseco de la ekzistantaj religioj instigas° ilin al tia prefero. *aansporen*

VERO (vs. 10)

Z: **Amiko estas kara, sed vero pli kara.**

Parolo de la vero pli valoras ol io ajn.

Z: **Diri al iu la nudan veron.**

Nuda?

La puran veron ne travestitan per io ajn.

Z: **Malsaĝulo° kaj infano parolas la veron.** *dommerik*

Kiel eblas?

Z: **Tempo toleras°, sed vero aperas.** *verdraagt*

-----

**TRADUKEKZERCOJ.**

**<u>Antaŭa.</u>**

1) La amo al sia lando estas por ĉiuj denaska.

2) Liaj amoj daŭris malofte/rare pli longe ol unu semajnon.

3) Esprimo ĉe prezentado de pardonpeto (senkulpigo): 'plej ame'.

4) Ĉu estas bone ami kaj korligiĝi al la mortema/mortideva? (Faverey).

5) Amo povas veni per geedziĝo.

6) Amo ne povas veni el unu flanko. (engaĝintoj devas fari sian eblon por konservi amikecon/rilaton).

7) Pro amo la kameno ne fumas. (Kiu volas edziniĝi devas povi/kapabli prizorgi familion).

**<u>Nova.</u>**

1) De waarheid bestaat. Slechts leugens worden uitgevonden.

2) Het is moeilijk te geloven dat iemand de waarheid spreekt wanneer je weet, dat je, als je in zijn plaats was, een leugen vertellen zou.

3) Het allerergste dat men kan doen, is de waarheid vertellen. In mijn geval hindert het niet, omdat men mij toch niet serieus neemt.

4) Het is vreselijk voor een mens te ontdekken, dat hij zijn leven lang, louter de waarheid heeft gesproken.

E. Van Damme

ras! Kiam Said ion ne scias, li demandas Ineke kaj ŝi scias multon. Li ankaŭ dankas Bert de Wit kiel instruisto en studsemajnfino kaj Drongo-festivalo. Ankaŭ Katalín Kovats multe faras, ŝi ligas naciajn kaj internaciajn aferojn. Same li dankas Federico Gobbo, Roel Haveman kaj ankaŭ Simon Smits, solvo de krizaj momentoj. Li dankas ankaŭ Françoise Pellegrin el Belgio. Hiddo Velsink dankas Said Baluĉi por la dankado.

**09. Informoj pri diversaj temoj interalie:**

**Pasinta Beneluksa kongreso en Liero 16-19 septembro*. Ineke Emmelkamp diras, ke preskaŭ ĉiuj maltrafis agrablan renkontiĝon – vidu en *Horizontaal*.

**La posta studsemajnfino* estos 13-15 oktobro en Bornerbroek.

**Drongofestival: en Beatrixhalo, la 29-an kaj 30-an de septembro.* Oni ŝanĝis la lokon; nun la budoj estas malpli grandaj. Tamen restas loko por Federico Gobbo por prezenti.

**Zamenhof- festo kun Kajto k.a. en Lunteren,* la 28-an de oktobro. Andries Hovinga diras, ke la programo ankoraŭ ne estas preta. Kajto venos kvarope kaj Federico Gobbo prelegos. La programo komenciĝos matene. Oni demandis IEI ĉu ili kune volas prezenti ion; ili volas. Ankaŭ NEJ volas kunorganizi ion kaj tiam volas ion fari. Estos en Partycentrum Floor, Dorpsstraat 36, Lunteren, tuj apud la stacidomo.

**KER-ekzamenoj okazos la 10-an de junio* por Eŭropo kaj Azio, samtempe. Por la Amerikoj estos alia dato.

**Fenikso*: Gerrit Berveling finos la laboron en la fino de la jaro. Jam estas indikite en Fenikso.

**Katalín Kovats volas doni du informojn.* Oni invitis ŝin revivigi Esperanton por infanoj. Ŝi faris iun programon en la reto, dank' al la Drongo-festivalo. (teachKidslanguages.com → teach kids Esperanto with Amy). Ĝi estas ankaŭ havebla en la pola kaj la hispana. Hieraŭ Katalin prezentis 500 lecionojn. Novuloj havas diskutsesiojn kun 10 aŭ 12 geonkloj.

**10.Verloren van Themaat-premio.**

Piet Buijnsters, Andries Hovinga kaj Loes Demmendaal estas la novaj ĵurianoj. (En 2016 estis Loes Demmendaal kaj Piet Buijnsters)

La ĵurio anoncas la rezulton. Loes Demmendaal diras ke la informoj ne estas kompletaj, do ne jam estas decido kiu gajnis.

**11. Ronddemandado.**

Rob Moerbeek dankas al Loes Demmendaal pri ŝia laboro ĉe UEA kiel komitatano A por Nederlando.

Ralph Schmeits demandas al Andries Hovinga pri liaj aktivaĵoj sur Facebook. Li faras tion kune kun Joost Franssen, preskaŭ ĉiutage. Li ne havas statistikon. Li ligas al edukado.net, kaj ankaŭ Ineke sendas informojn. Ralph Schmeits demandas, ĉu reagas neEsperantistoj. Kelkfoje jes, i.a. pri la tagoj de minoritataj lingvoj.

Katalín Kovats aldonas, ke se oni vidas ion interesan: diskonigu ĝin tuj, kaj ĝi estos baldaŭ pliobligita.

Bert de Wit mencias, ke en Amsterdamo la 14-an de majo estos preleganto el Brazilo, kiu esploras kiel sociologo la esperantistaron. La 26-an de aprilo li parolis al studentoj en la angla, invitita de Sandberg-instituto.

Ans Bakker: laŭ ŝi mankis la nomoj de Frans Schild kaj Koos Scharroo. Said Baluĉi konsentas, ke li forgesis kelkajn nomojn, ankaŭ tiun de Ans Bakker mem. Simon demandas ĉu la estraro jam iam kontaktis kun televidorganizo. Said Baluĉi nomas la planon Elkestiĝi. Ineke Emmelkamp kontaktis NPO 5, estis 6 minuta prezentado pri Esperanto. Oni intervjuis ŝin radie; troveblas reteje ankaŭ . Ĉiuj elŝutu la apon Amikumu por kontakti esperantistojn en la najbareco. Rob Moerbeek denove atentigas pri la libroj, kiujn li kunportis el la Centro Oficejo de UEA.

**12. Fermo je la 13-a horo.** Hiddo Velsink dankas la estraron por la laboro, kiun ili faris.

*(Protokolis: Madzy van der Kooij)*

# RECENZO

En 2016 aperis ĉe eldonejo Đurđevac ***Vaganto inter la steloj*** de Venelin Mitev. (ISBN 978-953-58418-3-8)
La enhavo de kelkdeko da poemoj estas agrable legebla. Jen kelkaj ekzemploj:

*La vojo al mia infanaĝo*

Ĉi vojo kondukas al la vilaĝo
kun korto kaj ĉerizarbj florantaj
kaj ordinara dometo,
En kiu mi kreskis kiel infano –
petolema bubo kun ĉapeleto farita el malnova gazeto
Tiam la vojo aspektis larĝa,
longa,senfina,
kaj mia plej forta deziro estis
trairi ĝin la tutan
por vidi kie ĝi finiĝas.
Hodiaŭ mi marŝas
laŭ forlasita,
mallarĝa, malglata intervilaĝa vojeto,
kaj bedaŭrinde mi scias
kie ĝi finiĝas.

*La libero signifas…*

Ne estas libero,
se ĝi ne donas rajton erari.
La libero signifas esti si mem.
Ni naskiĝas pekuloj
kaj pekuloj ni restas ĝis la lasta spiro.

Ĉu vi scias al kiu mi envias
pro tio, ke ili havas pli da libero ol ni homoj?

Al la arboj.
Ili havas ses gradojn da libero:
ili kreskas supren,
ili moviĝas en kvar direktojn,
kaj ili enradikiĝas profunde en la teron.

**Anneke Schouten Buijs**

# SALUTVORTOJ DE LA PREZIDANTO

La 13an de majo 2017, okazis en Utreĥto la jarkunveno de Esperanto Nederland.
Rob(ert) Moerbeek rezignis esti prezidanto kaj oni elektis min kiel novan prezidanton por la periodo 2017/2018.
Tio signifas por mi plian laboron kaj pluan respondecon, kiun kompreneble kun honoro mi plenumos.
Mi dankas la estraron kaj kalkulas pri ilia promeso ankoraŭ subteni min.
Plie mi kore dankas kaj aprezas alte la subtenon de ĉiuj membroj. Oni ankoraŭfoje pruvis ke Nederlando estas lando de toleremo, plurismo, egaleco kaj frateco.

Mi ne pretendas fari miraklon. Nia komuna lingvo mem jam estas homa miraklo. Mi nur promesas fari ĉion mian plej bonan por teni la movadon vigla, harmonie kunlabori en la estraro kaj kun ĉiuj kolegoj kaj aktivuloj, ade kaj regule informi kaj konsulti vin.
Sen viaj ideoj, proponoj, kritikoj kaj kontribuoj, nia asocio ne vigliĝos. Esperanto Nederland estas por ĉiuj, membroj, nemembroj, esperantistoj kaj neesperantistoj! Mi sentas fortan bezonon prezenti niajn idealojn al la publiko.
Alie, gravas certa rolo de Esperanto ĉefe por la eŭropanoj ene de EU. Lingvo estas unu el la plej gravaj elementoj de la identeco, ĉu individua ĉu kolektiva. Sub dominanta alinacia lingvo, oni sentus sin duagrada civitano. Dominado de alinacia lingvo kaŭzus grandan frustriĝon kaj sociajn problemojn post kelke da generacioj.
Eŭropa Unio estas aparte grava por mi, kiel neeŭropdevena esperantisto kiu vidas Eŭropon kiel modelon de la avangardismo kaj progresado. Mi ege veos, se EU ne sukcesos difini ian Eŭropan Kolektivan Identecon surbaze de neŭtrala lingvo! Nacilingvo nur kapablas formi nacian identecon kaj kompreneble anoj de ne reganta nacilingvo ade malkontentos kaj eble finfine decidos reveni al sia propra identeco. EU, laŭ mi, estas la plej unika kaj plej progresiva sperto de la homaro formi kolektivan identecon.
Nederlando, pro sia ne reganta lingvo, pro sia 400-jara rolo en la toleremo, pro sia tre komprenema kaj klera popolo, havas grandan rolon en EU. Mi fieras labori por Esperanto Nederland kaj sincere petas vin helpi min per viaj sugestoj.

Samideanajn salutojn kaj korajn dankojn,
Said Baluĉi

# KUNE - KELI

*Alphen a/d Rijn, 7 mei 2017,*
*Aan de leden van KUNE en KELI,*

*Enige tijd geleden heeft u een brief ontvangen, waarin Gerda Dercks en ik vermeldden, dat we KUNE zouden opheffen omdat er slechts nog een paar leden waren. Na vele jaren is deze beslissing onvermijdelijk en ik heb de laatste zaken geregeld.*
*Hartelijk dank voor uw loyaliteit.*
*Vorige week heb ik bij de ING-bank de rekening opgeheven. De helft van het bedrag van 8000,- Eŭro is al overgemaakt naar KELI en de bank boekt het resterende bedrag van 4000,- Eŭro over naar Esperanto Nederland.*
*We verzoeken u in het vervolg de 20 Eŭro voor KELI te sturen naar de rekening bij UEA in Rotterdam Universala Esperanto-Asocio NL72INGB0000378964 en vermeldt u in de ruimte voor opmerkingen por kelk-p zonder hoofdletters. Helaas kunnen we in het vervolg niet meer nagaan, wie er hebben betaald. Daarom verzoek ik u mij te informeren over uw betaling. Dia Regno is een interessant blad en het bedrag van 20 Eŭro dekt voornamelijk de kosten.*

*Ik ontving bericht van overlijden : Wim Baris uit Schiedam. Hij overleed op 23 april (geboren 1 oktober 1944) na een slopende ziekte. Hij was een bevlogen esperantist en trouw lid van KUNE en KELI.*

*vriendelijke groet,*
*Els van Dijk-Kuperus*
*Koningsmantel 4 - 2403 HZ Alphen a/d Rijn*
*0172-420222 -.van dijk@hetnet.*

*ook namens*
*Gerda Dercks*
*Molenstraat 20 - 7607 AL Almelo*
*0546-819403*
*gcamdercks@home.nl*

# INVITOJ

1] **Pri la studosemajnfino**

La preparoj por la studosemajnfino je 13-15 oktobro 2017 progresas kontentige!

Sukcesinte rezervi la belan ejon *Krikkenhaar*, apud Almelo, ni fokusigis nian atenton al starigo de la instrua teamo. La espero estis aldoni denove kelkajn novajn vizaĝojn … Kaj kun ĝojo mi povas anonci, ke estis trovitaj du novaj stabanoj! Unu estas Said Baluĉi, irandevena literaturisto kaj instruisto, nun loĝanta en Nederlando, kaj estrarano de *Esperanto Nederland*. La alia estas Piet Buijnsters, konata Esperanto-instruisto, estrarano de IEI, kaj kunlaborinto de diversaj Esperanto-apoj. Krome venos instrui du "veteranoj", nome Bert de Wit kaj Roel Haveman. Kaj mi ankoraŭ traktas kun kvina persono … Do estu certa, ke ni denove ofertos elstaran instruan programon!

Se vi emas partopreni, ne hezitu! La pasintaj fojoj montris, ke la disponeblaj litoj rapide elĉerpiĝas. Jam alvenis ĉirkaŭ 10 aliĝoj, do rapidu por certigi al vi lokon.

Cetere ankaŭ la kuirteamo renoviĝos. Ĉi-foje Marieke de Haas venos por labori kun Lilian en la kuirejo, kaj kredeble eĉ kunvenigos du lernantojn.

La bongustaj manĝoj certe estas plia kialo por ne maltrafi ĉi tiun aranĝon. Por doni al vi impreson, kaj ebligi al vi kulinaran plezuron, jen la recepto de la deserto, kiun ni ĝuis en la marta studosemajnfino.

*Pomtorto de Lilian*

*Por 6 personoj*

*Prenu: 600 gr da pomoj, 120 gr da nekristalizita sukero, 270 gr da faruno, 120 gr da mola butero, 120 gr da kristalizita sukero, 380 ml da glaciaĵo.*

*1. Tranĉu la pomojn en pecojn. Miksu ilin kun la kristalizita sukero.*

*2. Kirlu la buteron ĝis ĝi estas mola, aldonu la kristalizitan sukeron kaj poste la farunon. Miksu ĉion, ĝi restas iom seka.*

*3. Grasigu la internon de fajreltena ujo.*

*4. Knedu la paston per dikfingro kaj montrofingro ĝis ĝi diseriĝas.*

*5. Metu la pompecojn en la ujon, metu la diserigitan paston sur ĝin.*

*6. Baku ĝin dum 70 minutoj (en tradicia forno je 195 gradoj, varmaer-forno je 175 gradoj aŭ gasforno je 5/6)*

*7. Metu por ĉiu persono iom da pomtorto en bovlon kaj iom da glaciaĵo apude.*

*8. Bonan apetiton!*

**Arjen-Sjoerd de Vries (kun danko al Lilian van der Burgt)**

2] **Salutojn, karaj samideanoj,**

Longan tempon! Kiel vi fartas?

Ĉi-foje mi adresas al vi kun nia konkreta peto. Se nia mesaĝo maltrafas, do bv. plusendi ĝin al tiu, kiun eble interesas (se eblus al viaj retlistoj kaj revuoj).

Temas pri niaj ekskursoj (ĉar vi jam spertis Mongolion kaj eble Ĉinion). Ĉe nia asocio funkcias filio de Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo IKEF-Mongolio. Ankaŭ, antaŭnelonge IKEF-prezidanto nomumis min kiel kunordiganton de IKEF-Turismo.

Tial, ni deziras valorigi nian lingvon en la turisma kampo. Ni serĉas kaj petas kunlaboremulojn. Ĉu vi bonvolus helpi nin pri tio? Ni volas akcepti viajn vojaĝemulojn al Mongolio kaj Ĉinio. Bv esplori nian retan informilon (la rubrikon afable disponigis al ni la retejo www.vojagxo.info). http://vojagxo.info/ikef-turismo/

Tie estas niaj itineroj tra mongola ĉefurbo Ulanbatoro kaj ĉina nuna ĉefurbo Pekino kaj la antikva ĉefurbo Xi'an.

La itinerojn ni detale prilaboris kun la Esperanto-Asocio en ĉina urbo Xi'an (Siano) kaj kun mongola vojaĝagentejo MonEcoTour (nun ni renovigas kaj esperantigas ĝian retejon)

http://monecotour.com/index.html

Ni kune organizus la ekskurson. Tiamaniere, per niaj laboroj kaj servoj ni volas subteni nin.

Ni multe dankus vin, se vi estus nia peranto, organizanto de via Esperanto- kaj neesperanto-grupoj al ni.

Bonvenaj estas viaj demandoj kaj komentoj.

Kun anticipaj dankoj,

**Enkhee, Kunordiganto de IKEF-Mongolio kaj IKEF-Turismo**



# Kelkaj mallongigitaj biografietoj de eksterlandaj esperantistoj en Nederlanda Hindio

**Klaas Gorter (22/4/1901, Meerssen – ???)**
Klaas Gorter foriris kiel junulo al Nederlanda Hindio, kie li laboris kiel instruisto. En la dua duono de la 30-aj jaroj kaj ĝis la komenco de la milito en Nederlanda Hindio li estis aktiva en la Esperanto-movado. Li estis unu el la iniciatintoj de OCEO, kaj redaktoro de ĝia organo (Nia Organo). En la jaroj 1937 kaj 1939-1941 li estis Delegito de IEL. En 1938 li estis 'agento' por Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistoj (TAGE) en Nederlanda Hindio. En novembro 1941 li ekloĝis en Garoet por ankaŭ tie labori kiel MULO-instruisto. Li iĝis infanteri-soldato, sed estis kaptita de la japanoj jam la 8-an de marto 1942. Li travivis la internulejon kaj la 31-an de oktobro 1945, jam pli ol du monatojn post la fino de la milito, li estis transdonita al la aliancanoj. Post la milito li revenis al Bandoeng kaj okupiĝis pri muziko: li interalie sukcese gvidis la urban orkestron.

**Simon Joris IJsselstein (8/3/1879, IJsselmond – 14/4/1945, Si Rengorengo)**
IJsselstein jam estis aktiva esperantisto en Nederlando antaŭ ol li ekloĝis en Nederlanda Hindio. De 1913 ĝis 1929 li loĝis en Nederlanda Hindio, kie li laboris kiel instruisto pri matematiko kaj estis konata pro sia socia laboro. Je la fino de tiu periodo IJsselstein jam aktivis por Esperanto en Soerabaja, kaj daŭrigis tion post reveno en 1935. En 1937 li estis inter la fondintoj de la Nederlandhindia Ekzamenkomisiono kaj sukcesis doni radio-paroladon ĉe la NIROM (Nederlandsch-Indische Radio Omroep Maatschappij). Li mortis en japana internulejo ĉe la orienta marbordo de Sumatro en aprilo 1945, kaj estis reentombigita en la honora tombejo Leuwigajah en Cimahi.

**Albert Knegt (21/6/1882, Hasselt (NL) – 17/9/1945, Batavia)**
Albert Knegt certe lernis Esperanton en Nederlando: ĵus antaŭ sia foriro al Nederlanda Hindio, ĉar en 1911 li partoprenis la Universalan Kongreson en la apuda Antverpeno. Mallonge poste, en 1913, li iĝis la dua Delegito de UEA en Nederlanda Hindio, post la brito R. F. Vaughan. Profesie li estis unue dum malpli ol jaro poŝtoficisto en Soerabaja, kaj poste oficisto de kafoplantejo en Banjoewangi, ambaŭ en Javo. Li partoprenis la Universalan Kongreson ankaŭ en 1920. Komence de la 20-aj jaroj li aktivis en la unua nederlandhindia Esperanto-unuiĝo Nederlandsch Indische Esperantisten-vereeniging (NIEV) kiel sekretario. Albert Knegt pasigis almenaŭ parton de la milito en japana internulejo, sed ni ne retrovis en kiu. Li forpasis monaton post la fino de la milito, en la malsanulejo Sint-Vincentius en Batavia.

**Richeld Willem Frans Kyftenbelt/ Kijftenbelt (5/11/1865, Surabaya – 11/1/1952, Utrecht)**
R.W.F. Kyftenbelt estis protestanta predikanto, edzo de la baronino Henriette Schimmelpenninck Van Der Oye. En 1911 li estis laboranta en Makassar kaj planis doni prelegojn pri sociaj temoj por la enlanda junularo, kio estis tiam iu nova ideo, per kiu li akiris atenton en la gazetaro. Plej malfrue en 1912 li havis kontakton kun R.F. Vaughan, al kiu li rakontis ke estis ĉirkaŭ dekduo da esperantistoj en la urbo kiuj kunvenis ĉiu-semajne. En 1920 li estis en Nederlando kaj ĉeestis la tiean Universalan Kongreson, kie li kungvidis la meson. Komence de 1923 li instruis Esperanton en Menado (Celebeso), kaj post ferio en Nederlando li laboris kaj estis ankaŭ aktiva por Esperanto en Soerabaja kaj Pontianak. Antaŭ sia morto li ankoraŭ estis membro de la klubo de Amsterdamo.

Heidi Goes

Kiu lume belas en mal-helo,
kiu forte belas en la ŝtormo,
kiu pie belas en Ŝeolo,
kiu kare belas en mal-varmo,
kiu kaŝe belas en la kelo?
Frans Cobben

1] Jen mallonga teksto:

**ESPERANTO MISUZITA ?**

En mia gazeto *Het Parool* (2-6-17) mi legis, ke en Amsterdamo forkuris bovo el la buĉejo 'AMECO'. Post promenado tra la urbaj stratoj oni rekaptis ĝin per logbovino kaj ĝi estis ankoraŭ buĉita. Ame?

Kees Ruig (Malden).

**2] Karaj,**

Mi dankas al ĉiuj partoprenantoj pro la sukcesa maja sumoo, en kiu partoprenis 385 homoj el 31 landoj. Ni ĝuis legadon internacie, kontribuante al la Esperanto-movado.

La julia sumoo okazos inter la 2a kaj la 9a de julio (8 tagoj) ĉar multaj estos okupitaj pro diversaj aranĝoj en Esperantujo.

HORI Jasuo (s-ro)
371-0825 Japanio, Gunma, Maebasi

**3] UEA SERĈAS TRADUKISTOJN KAJ PROVLEGANTOJN POR UNESKO-KURIERO**

Post kelkjara paŭzo pro financaj malfacilaĵoj, la fama revuo de Unesko reaperas kadre de interkonsento inter la ĉina registaro kaj la Organizo de UN pri Edukado, Scienco kaj Kulturo. Ekde nun ĝi eldoniĝos kvarfoje jare en la ĉina, angla kaj franca lingvoj, sed Unesko ankaŭ libere permesas alilingvajn eldonojn, se oni trovas por tio la financajn rimedojn.

Laŭ iniciato de la UEA-komitatano Trezoro Huang Yinbao, pretiĝas eksperimenta eldono de la *Kuriero* en Esperanto. Same kiel por la alilingvaj eldonoj, la teknika laboro okazos en Ĉinio, sed pri la tradukado kaj redaktado kunlaboros homoj el diversaj landoj. Nun la ĉefa bezono estas tradukistoj kaj provlegantoj, kiuj kapablas redoni la tre diverstemajn, klerajn artikolojn en bona kaj flua lingvaĵo. Se vi regas Esperanton je nivelo C1 au pli alte, se vi ŝatas interesan kaj defian traduklaboron, kaj se vi povas regule disponigi vian tempon por tia kunlaboro, bonvolu skribi rekte al la projekto-kunordiganto:
trezoro@qq.com

**4] Misère van de onwetendheid**

*Heb ik net in een gevraagde recensie de Volkskrant geprezen om de kritische berichtgeving en de aandacht voor cultuur, lees ik in Sir Edmund het artikel van Sylvia Witteman onder de titel 'tualeta mizero'. Ze heeft de Esperanto-vertaling van het taai ongerief gevonden en hangt daar een heel verhaal over Esperanto aan op zonder al te veel feitenkennis. Ik weet het, meningen zijn tegenwoordig belangrijker dan feiten, maar daar heb ik nu juist de Volkskrant voor om die te ontkrachten. Wat zijn de feiten?*

*Theo Thijssen was een groot voorstander van de internationale taal Esperanto. In het Jubileumboek van FLE in 1936: 'Voorstander van de internationale taal Esperanto ben ik geworden door mijn ervaring op talrijke internationale congressen. Op zulke congressen gaat eindeloos veel tijd verloren door het vertalen, terwijl, ook met de knapste tolken erbij, de gedachtewisseling nog zeer onvolkomen is en allerlei misverstand blijft voorkomen. De overtuiging dat Esperanto de geschikte taal is, verkreeg ik door mijn ervaring, o.a. met correspondentie en in persoonlijke ontmoetingen met buitenlanders. Als literator waardeer ik bovendien de mogelijkheid om in Esperanto de fijnste nuanceringen uit te drukken; wat dit betreft is Zamenhof's schepping inderdaad geniaal en zal zij naar mijn innige overtuiging steeds meer het middel blijken om de nationale literatuur van een land ook voor buitenlanders toegankelijk te maken.'*

*Volgens Witteman is Esperanto mislukt, want het zou niet de doelstelling hebben kunnen waarmaken van culturele uitwisseling. Jammer voor Theo Thijsse.. UNESCO heeft dit punt overigens al eens aangekaart met de erkenning van de verdiensten van het Esperanto met name op het gebied van de culturele uitwisseling (Montevideo, 1954). Witteman had ook op de website www.eventoj.hu kunnen kijken om te zien dat er aardig wat bijeenkomsten en festivals plaatsvinden waarop Esperanto gebruikt wordt. Dit jaar is bijvoorbeeld een belangrijk congres in Zuid-Korea. Hoezo alleen geschikt voor Europeanen? Het aantal boeken in Esperanto, vertaald en origineel, loopt in de tienduizenden. Speciale bibliotheken, zoals de Hodler-bibliotheek in Rotterdam, zijn vrij te bezoeken.*

*Als tweede argument gebruikt ze: 'de meeste mensen willen geen taal spreken die achter een bureau is bedacht'. Nog afgezien van de vraag of dat dan ook geldt voor Bahasa Indonesia, Ivriet, het Duits van Luther of het Italiaans van Dante – ja, wat heet kunstmatig? - is het zo dat Esperanto in de praktijk verder ontwikkeld is door de gemeenschap van sprekers. Dat zijn overigens beslist niet 'een paar mensen die Esperanto als moedertaal hebben' . Laat ze voortaan eerst even de feiten onder ogen zien alvorens ze haar mening geeft. Op de schaal die De Volkskrant gebruikt om beweringen te toetsen, zit deze bewering in het rode gedeelte: onzin. De misère van de onwetendheid.*

*Overigens: L.L. Zamenhof was geen professor, maar een oogarts. Er zijn ook biografieën beschikbaar in o.m. het Engels van de schrijfster Marjorie Boulton.*

*B. de Wit, Aerdenhout*

5] ***Die arme Sylvia Witteman...*** *waarschijnlijk krijgt ze nu de hele Nederlandse Esperantogemeenschap over zich heen vanwege haar kunsttalenverhaal ('Witteman heeft iets gelezen', 20 mei j.l.). Waarschijnlijk zijn de reacties wat beschaafder dan in menig Zwartepieten- of migrantendebat, maar toch.*
*Ik ben een trouw lezer van zowel Sylvia's columns als die van Bert Wagendorp, Sheila Sitalsing en Aaf Brandt Corstius. En juist daar zit het verschil: Bert moet zijn mening geven op basis van feiten, daarmee stelt hij misstanden aan de kaak en ontzenuwt hij kletspraat. Maar Silvia en Aaf spinnen een geestig of ironisch verhaal rondom bepaalde feitelijkheden, die natuurlijk niet allemaal hoeven te kloppen. Het doet er niet zoveel toe of de mayonnaise ook gratis was toen een plaatselijke frietzaak vanwege een jubileum gratis friet uitdeelde en ook de seksescapades van Arnon Grunberg moet je waarschijnlijk met een korreltje zout nemen. Dus, Sylvia, blijf lezen en schrijven! Maar naar aanleiding van jouw stukje, dat overigens zeer begaan was met het lot van Esperanto, toch nog enige aanvullende opmerkingen. Ik ben zelf al vele jaren esperantist en van mijn hand verschenen vrij recent vertalingen van* Oeroeg *van Hella Haasse, van* De Dood in Venetië *van Thomas Mann en waarschijnlijk binnenkort van het boekenweekgeschenk* Zink *van David van Reybrouck, alsmede ook een app die je gratis kunt downloaden om Esperanto te leren. Wat dat laatste betreft: je zou het niet verwachten, maar juist kunsttalen zijn wereldwijd het meest verbreid, namelijk de programmeertalen, waarmee computers, mobieltjes en allerlei elektronische apparaten functioneren. Gelukkig bestaat er ook nog een natuurlijke (?) taal, namelijk het Engels, zo wijd verbreid dat het feitelijk grote onzin is om nog andere talen te leren, toch? Zo bezien is het eigenlijk een atavisme dat gymnasium-leerlingen verplicht zijn om ook Latijn en Grieks te leren, terwijl er prima Engelse vertalingen zijn van De bello gallico, Homerus en Tacitus. Maar ja, het blijft tobben voor die arme Chinese en Koreaanse studenten die allemaal die volstrekt onherkenbare Engelse woordenschat, de uitspraak en dat schrift moeten leren...*
*Gelukkig zijn de columns van Sylvia nog in het Nederlands en zijn er mensen die het leuk vinden om in Esperanto wereldwijd contact met elkaar te hebben. Blijven doen, zou ik zeggen!*

*Piet Buijnsters, Lent*

6] **Riismo**
Fine de marto kaj komence de aprilo okazis en Liverpool komuna kongreso de la global greens, la eŭropaj verduloj kaj la Green Party of England and Wales. Partoprenis eble dek esp-parolantoj. Deĵoris en la esp-stando Manfred, Peeter, Ronaldo kaj Marteno. Plej frapa demando far tiuj, kiuj jam iom sciis pri Esperanto: "ĉu vi jam uzas finaĵon por indiki la masklojn, paralele al '-in''?"
Jes, la finaĵo 'iĉo' jam estis proponita antaŭ ol mi mem eklernis Esp-on, do en 1984. Bedaŭrinde la Akademio kaŝas sin malantaŭ 'la natura evoluo' kaj eĉ ne agnoskas la neceson kaj logikon de tia sufikso. Ĝi same ne agnoskas la utilon de senseksa pronomo por la tria persono singulara, do ni plu havos ambaŭ 'ri' kaj 'ŝli', kiel plenaj sinonimoj....

**Ronaldo N**

7] **Ik ben vanmorgen vroeg opgestaan. Ik was gevraagd om iets over Esperanto te vertellen**.
*Om 8.10 uur werd ik gebeld door Henk Mouwe van het programma Wekker-Wakker van NPO Radio 5 NPO* http://www.nporadio5.nl/wekkerwakker
*Het interview ging goed, het gaat alleen wel heel snel. Vijf minuten zijn zo voorbij. Ik heb vooral verteld wat er tegenwoordig allemaal gebeurt op het gebied van Esperanto, zoals cursussen op internet! Ook heb ik snel nog even onze studieweekeinden genoemd. En als afsluiting enkele woorden in het Esperanto gezegd. Henk kon het niet meteen vertalen, maar hij begreep het wel.*
Ĉi-matene mi frue ellitiĝis. Radioprogramo 'Wekker Wakker' demandis min ĉu mi pretas paroli pri Esperanto. Je la 8.10 h Henk Mouwe (de la radiokompanio NPO radio 5.) telefonis al mi. Laŭ mi la intervjuo estis bona, sed 5 minutoj estas mallonga tempo. Mi rakontis pri la facileco de la lingvo kaj la diversaj kursoj kaj kongresoj. Mi menciis niajn studsemajnfinojn kaj la someran kurson en Slovakio. Li demandis ĉu la angla lingvo ne estas konkurenco por Esperanto. Mi klarigis ke mi jes uzas la anglan en flughavenoj kaj hoteloj, sed poste mi estos hejme ĉe Esperantistoj.

Groeten,
**Ineke Emmelkamp**

*Een aanvulling, met dank aan Andries:*
*Uitzending van vrijdag 28 april 2017:*
*http://www.nporadio5.nl/gemist/uitzending/65130/28-04-2017 Het interview met Ineke is tussen 2:10 en 2:16. Je kunt het balkje naar die tijd toeslepen om het te beluisteren.*



## Spertoj pri la *Nosobe*-semajnfino 2017 en Ermelo

Pasintan monaton mi akompanis blindan Esperantistan amikon al la Nosobe-semajnfino en Ermelo. La renkontiĝo okazis de la 31a de marto ĝis la 2a de aprilo en ejo “Dennenheul”. Nosobe estas la nomo de la Nederlanda societo de blindaj esperantistoj. Jam delonge ili ĉiun jaron kunvenas, kaj bonvenigas ankaŭ vidantajn Esperantistajn partoprenantojn. Ĝi estis agrabla sperto: esti en malgranda rondo kun interesa programo, kun multaj eblecoj paroli kaj aŭskulti Esperanton.

Jam dum la vendredo-vespero preskaŭ ĉiuj alvenis. Oni bonvenigis konatojn kaj ekkonis junan virinon, kiu ĵus lernis Esperanton kaj ĝin bone komprenis. Ĉeestis partoprenanto el Germanio inter la Nederlandanoj, plejparte vidhandikapuloj. Post iom da interbabilado la vespera programo komenciĝis per komuna kantado. Oni provizis kantokolektojn kaj brajlan kaj nigrepresitan, dum Rob aŭ Herman laŭvice akompanis nin per pianludado. Tuj ekestis agrabla komuna etoso.

Dum la matenoj estis konversacia kaj gramatika rondoj, ambaŭ kunvenis samtempe du fojojn. Piet paroligis pri diversaj temoj, kaj Rob invitis nin al forta cerba laboro: nia tasko estis malkovri nacilingvajn erarojn en multaj frazoj, kiujn li preparis same en platskriba teksto kiel en brajlo.

La tempo rapide forpasis, kaj oni ne enuis. La programo estis riĉa kaj diversa, la manĝoj bone prizorgataj kaj bongustaj, la anoncoj pri la programo klaraj, kaj la deĵorantoj de la ejo ĉiam helpemaj. Ĉio kontribuis al agrabla etoso. Mem mi iom bedaŭris, ke oni ne metis eblecon en la programo grupe promeni en la tuj apuda arbaro kaj erikejo. Ja pluvis dum la sabatomateno, kiam okazis la Nosobe-jarkunveno, kaj kiam ne plu pluvis, mi ne volis maltrafi ĉiujn interesajn programerojn de la posttagmezo.

De la membrokunveno mi eksciis, ke Nosobe eldonas 4 fojojn jare la revuon “*La Kontakto*”. Ĉiu numero konsistas el 40 paĝoj de brajloskribado. Ne plu ekzistas propra retejo, tamen oni aktivas kaj renkontas sin en speciala Vizaĝlibra (Fejsbuka) grupo.

Post abunda lunĉo Piet klarigis la disvolviĝon de komputilaj parolskribaj sistemoj por Esperanto, ĉiam uzantaj nacilingvan sistemon. Li pritraktis kvin metodojn, kaj la malfacilaĵojn, kiujn oni provas solvi. Post la tepaŭzo li vive rakontis pri la tiama Neŭtrala Moresnet kaj la esea libreto “*Zink*” de David van Reybrouck.

Sabatvesperon mi spertis, ke partoprenanto kiu devis reiri hejmen, ĉiam prokrastis la horon de foriro. Evidente estis tiom agrable resti en la rondo, dum Jan tiom interese gvidis nin tra la historio de la radio en Nederlando. Brile li komencis sian prelegon per etosplena priskribo de radio-aŭskultado. Kun surprizo ni malkovris, ke temis pri traduko de angla teksto de tamen konata furorkanto: “*Radio Gaga*” de popmuzikgrupo “*Queen*”. Ne nur tiun li aŭdigis, ankaŭ aliajn gravajn historiaĵojn, por ilustri la signifon de la radio tra la epokoj, ekde ĝia komenciĝo ĝis la apero de novaj sistemoj kiel DAB+. Post la prelego oni klopodis kapti la elsendon de Muzaiko, la tuttempa radistacio de Esperantio, sed pro teĥnikaj problemoj eĉ la spertuloj kiel Jos kaj Jan ne sukcesis. Tiam Werner proponis aŭskulti per la poŝtelefono la JuTub’ koncerton de Kaŝi, blinda germana kantisto esperantista. (Se vi mem ŝatus sperti, la registraĵo nomiĝas “Esperanto havas talenton” kaj troveblas je: https://www.youtube.com/watch?v=XL0C93PrlC8 ).

Dimanĉon Rob prelegis pri la Sud-Koreia literaturo, el la lando de la ĉi-jaraj universalaj kongresoj.

Okaze al la centa mortodatreveno de L. L. Zamenhof en 2017 Piet skizis al ni la historion de nia lingvo. Li laŭtlegis partojn el la libro “*La Danĝera Lingvo*” de Ulrich Lins pri la diversaj kontraŭstaroj kaj kontraŭbataloj je Esperanto tra la jaroj, kaj de interne kaj de ekstere. Inter alie li parolis pri la “interna ideo” de nia neŭtrala lingvo pri la kreo (kaj pereo) de Ido kiel “plibonigita Esperanto”. Krome li menciis kelkajn el la multaj politikaj malfacilaĵoj, okazintaj ne nur en Eŭropo sed ankaŭ en Azio dum certaj tempoj. Poste ni interdiskutis la multflankan antaŭjuĝaron pri Esperanto, kaj vigle interŝanĝis eblecojn kiamaniere reagi, ekzemple per montro de surpoŝtelefona tradukado aŭ la *Android*-apon por lerni Esperanton, kiel novstilaj respondoj. Ke ekzistas riĉa literaturo, multaj kunvenoj grandegaj aŭ pli intimaj, kaj vastaj eblecoj uzi la lingvon pri plej diversaj temoj pere de interreto, Skajpo aŭ dum vojaĝoj, ni mem denove spertis dum tiu ĉi bone organizita, agrabla renkontiĝo!

Korine Cheizoo, aprilo/majo 2017

# HELPOPETO EL KUBO

Kara amik(in)o

Nia kara samideanino Yoandra el Sancti Spiritus (Kubo), sendis alarmkrion al kelkaj amikoj, Ŝi vere vivas en malakcepteblaj cirkonstancoj. La edzo kaj ties patro subpremas kaj teroras ŝin. Ŝi deziras fuĝi kune kun siaj infanoj, sed ne scias kien iri, Ŝi ne havas alian loĝejon kaj ne havas la rimedojn por aĉeti domon. Tiel ŝi devige kunvivas kun ŝiaj torturistoj,

Kekaj francaj esperantistoj volas helpi ŝin kaj petis mian helpon, Ni ŝercas 12,000 € por ke ŝi povu aĉeti modestan dometon por ŝi kaj ŝiaj tri infanoj, se vi deziras helpi ŝin mi malfermis apartan konton ĉe FEL: Bankkonto de Flandra Esperanto-Ligo, IBAN BE66 0000 2653 3843 (BIC-kodo BPOTBEB1), ĉe bpost-bank, B-1100 Brussel. Kaj meciu ĉe la kialo de via donaco: “FONY-V”

Antaŭdankon pro via malavara helpo,

**Eddy Raats**

Antau kelkaj jaroj Yoandra kaj ŝia tiama edzo vizitis min en Nederlando. Ekde de tiu tempo mi havas kontakton kun Yoandra. Ŝi trovis novan edzon. Fine de 2015 mi vizitis Kubon kaj gastloĝis dum kelkaj tagoj ĉeYoandra. Mi tranoktis ĉe najbarino ĉar mankis loko en la apartamento kie Yoandra mem loĝas. Tie estas nur du dormĉambroj kaj ŝi loĝis tie kun la bopatro kaj lia amikino, la edzo kaj la du plej junaj filoj. La plej aĝa filo loĝas aliloke. Malfeliĉe ili nun decidis maledziĝi kaj estas nepre necese ke Yoandra kun la filoj trovas novan loĝejon. Mi plene subtenas la peton de Eddy Raats, kiu estas ofte en Kubo kaj bone konas la situacion. Ĉu ankaŭ vi pretas helpi al Yoandra trovi novan loĝejon?

**Ineke Emmelkamp**

# NEKROLOGOJ

## Ab Ploeg (1928-2017)



Gazeta anonco perita de Ineke Emmelkamp sciigis pri la forpaso de Ab Ploeg: La 25-an de aprilo 2017 post nelonga malsaneco kviete forpasis Adelbert Ploeg, Ab, 88-jara. En la memorkunveno parolis unu el liaj prizorgintoj el la humanista grupo, Bert Doldersum, kiu skizis la neordinaran vivon de la mortinto. Nia membro Ab Ploeg el Almelo estis ĉiam afabla kaj helpema, sed certe ne havis facilan vivon. Post plurjara provo kiel bazlerneja instruisto, kiam li mem kreis lernilojn (inter kiuj pluraj restas uzindaj) li fariĝis mezlerneja instruisto pri la germana, samlicee kiel mi. Sed pli bone li sukcesis kiel tradukisto, ĝis sia frupensiiĝo pro malsano ne sufiĉe frue rekonita. Kun la patrino, kiu devenis de Oldenburg (DE), li ofte vizitis Germanion. Kaj ekde la Aŭgsburga UK (1985) li regule aliĝis al la kongresoj, se nur por ekhavi la kongreslibron. Fervora esperantisto li ja estis: li ofte pledis por nia lingvo, serioze partoprenis en kunvenoj, abonis tiom da periodaĵoj kaj membris en tiom da asocioj, ke necesis nuligi grandan kvanton da ili, kiam li dependiĝis de prizorgado. Unue li restadis en Eugeria, kie jam loĝis la patrino, ankaŭ post ŝia forpaso en 1998. Post plia transloĝiĝo li ankoraŭ sep jarojn ĝuis la bonan prizorgon en Titus Brandsmahof. Tre malfacile li adiaŭis siajn grandajn kolektojn, i.a. librojn, kvankam ankaŭ en sia lasta restadejo libroj ne povis manki. Li ankaŭ volonte donacis por bonaj celoj, interalie ekstre pagante kiel membro de TADEN, nefumantoj. Ni memoros lin kun danko.

**Rob Moerbeek.**

Mi bone memoras pri Ab. Li plurfoje partoprenis en la tiamaj Faulhaber-semajnfinoj. Li ĉiam kunportis ĉokoladon por la organizantoj. Li venis kun sia tre bela malnova valizo. Valizo eble de lia patrino au eĉ de lia avino! Poste mi plurfoje zorgis, ke li ricevu kongresan libron. La lasta, kiun mi sendis al li, estis de Germana Esperanto Kongreso en Hameln!



## Adri Oosterwijk-Dominicus (1 juni 1920 – 18 mei 2017)

La 18-an de majo 2017 forpasis Adri Oosterwijk-Dominicus, je la aĝo de preskaŭ 97 jaroj. Ŝi estis membro de la sekcio Esperanto Noord Nederland kaj de Esperanto Nederland dum multaj jaroj. Ŝi fidele kaj ofte vizitis Esperanto-kunvenojn kaj -kongresojn en kaj ekster Nederlando. Ŝi gastigis Esperanto-geamikojn el Rusio kaj per komputilo ŝi kontaktis dum multaj jaroj kun

handikapita esperantisto en Bulgario, kiu post okuloperacio en Belgio iam gastloĝis en Haren, proksime al Groningen. Ŝi regule finance apogis lin kaj lian edzinon.
Kiam ŝi estis juna, ŝi laboris en mezlernejo, kie ŝi okupis sin pri la administrado. En tiu periodo ŝi estis skoltino kaj entuziaste ŝi poste kunlaboris kelkajn jarojn en la groningena Esperanto-gejunulgrupo. Post la forpaso de la edzo ŝi vivis longe sola ĝis kiam ŝiaj fortoj foriris iom post iom. Tial ŝi loĝis dum mallonga periodo en flegejo en Ten Boer. Estis antaŭ du jaroj, ke parencoj en la provinco Zelando transloĝigis ŝin al flegejo en 's Gravenpolder sur la insulo Suda Bevelando, kie ŝi naskiĝis kaj kie nun ankoraŭ parencoj de ŝi loĝas. Estas tie, ke Simon Smits kontaktis kun ŝi. Li loĝas en 's Heerenhoek kaj kelkfoje vizitis ŝin. Je peto de ŝiaj parencoj li parolis nome de la esperantistoj en la adiaŭa solenaĵo antaŭ la kremacio. Ni rememoras pri Adri kun amikaj sentoj. Ŝi ripozu en paco.

**Wil van Ganswijk-Vlasblom.**
**Ineke Emmelkamp**

## Wim Baris (1 okt. 1944- 23 apr. 2017)



La 23-an de aprilo forpasis post longa elĉerpa malsano Wim (oficiale Willem) Baris.
Li estis instruisto pri la nederlanda lingvo en mezlernejo, sed precipe erudiciulo, kiu specialiĝis pri historio, arthistorio kaj la nederlandaj lingvo kaj literaturo. Ambaŭ ĝeneralaj direktoroj de la Centra Oficejo Veronika Poór kaj Osmo Buller, kiu speciale telefonis el Finnlando, aparte menciis en siaj kondolencaj vortoj, ke Wim ankaŭ en personaj interparoloj montris sian fortan subtenon kaj profundan scion pri la plej diversaj temoj.
Juna li ekkonis Esperanton gastloĝante ĉe sia onklino Van der Waal en Amsterdam. Ne nur la Ŝtata Muzeo lin fascinis, sed ankaŭ la internacia lingvo. Pri arthistorio li aparte studis, kaj en siaj en- kaj ekster-landaj vojaĝoj li vizitadis muzeojn, kies katalogojn li sisteme aĉetis, kaj evidente ensorbis. Jam baldaŭ li aliĝis al la protestant-kristana KUNE, kies Roterdama sekcio en 1965 lin bonvenigis kiel tre junan Libroserviston; kiel ĝia estrarano li kunlaboris kun i.a. Marianne Vermaas en la Roterdama Esperanto-Komitato. Impresis lin jam en 1964 la KELI-kongreso en Lunteren, kie li konatiĝis kun Ina Verdouw (van der Krans, poste libroservisto en la C.O. kaj ankoraŭ regula gastiganto en ĝiaj Malfermaj Tagoj), Benata Koopmans (Hengstmengel, tiam 13-jara; li eĉ antaŭ nelonge senmanke priskribis, kiel ŝi tiam aspektis) kaj fine de la 1960-aj jaroj ankaŭ kun Els van Dijk-Kuperus, la posta sekretario de KELI kaj KUNE. Kun Ina li prezentis teatraĵon kaj laŭ Jarraporto de la Roterdama sekcio de KUNE li en 1965 prelegis pri... poŝtmarkoj. (Do gravis ne nur la Interna Ideo!) Ankaŭ en Kursosemajnfinoj li elstaris pro sia profundaj scioj pri i.a. arto, mirigante la samkursanojn (kaj la kursgvidanton). Kaj en niaj Jarkunvenoj, malfermaj tagoj de la C.O. de UEA kaj aranĝoj de Internacia Esperanto-Instituto li estis bonvena partoprenanto.
Wim dediĉis multan tempon (pro malsano eksiĝinte el la instruado) al UEA: de la komenco de la 1970-aj jaroj sub la gvido de la direktoro Victor Sadler li katalogis laŭ bibliografiaj normoj, kiel li memoris eĉ pri 10 jaroj: liaj centoj da slipoj restas parto de la biblioteka historio. Kaj revene en 2014 li denove servis al la Biblioteko Hector Hodler por ordigi la multajn arkivaĵojn el niaj "Jarskatoloj". Nederlandigitajn informilojn li kompetente kaj volonte korektis: lia nomo aperas i.a. en "Esperanto zo op zak".
Li havis eksterordinarajn kapablojn: povis mildigi suferigajn dolorojn per mansurmeto, kion li aplikis ankaŭ al mi, demandinte ĉu mi akceptas. Mi ne povas nei, ke li ja kapablis, kvankam li aldonis, ke ne ĉiam la rezulto estis daŭra. Kaj ankaŭ nun, fakte post eŭforio, en kiu li ŝajnis tute resaniĝinta, malfortiĝante en definitiva recidivo li tamen restis mense tute lucida kaj laŭ sia aserto sensufera, krom la elĉerpa laceco. Siajn Esperanto-librojn ankoraŭ en la 'lasta zorgejo' (hospitium) li testamentis al UEA, konscia pri la valoro de eldonoj.
La funebran solenaĵon li mem aranĝis, inkluzive bibliajn kaj Esperantajn tekstojn kaj muzikon (Jesu, Joy of Man's Desiring). Kaj ankaŭ la predikantino Esther Roetman-Sijnstra siatempe lernis Esperanton kaj mem voĉlegis la unuajn strofojn de la himno en Esperanto. Por nesciantoj mi povis klarigi pri Esperanto kaj la rolo, kiun ĝi ludis en la vivo de Wim. Ankaŭ la unuajn tri strofojn de "Preĝo sub la verda standardo" mi povis deklamlegi en Esperanto. Kaj ĉiuj parolantoj menciis lian ligitecon kun Esperanto. UEA donis belan floraĵon por ornami la ĉerkon. Ĉeestis ankaŭ Ans Bakker, kiu ĉetable rakontis pri lia fervora subteno al la afrika agado, kaj nia sekretariino de la C.O., Kasia Marciniak, kiu ofte lin vizitis (tamen ankaŭ aliaj kolegoj, do almenaŭ lastatempe sian solecon li ne sentis). La solenaĵo bedaŭrinde koincidis kun la Malferma Tago de la Centra Oficejo, la 29-a de aprilo.
En Esperanto Nederland li almenaŭ ĝuis la honorigon pro 50-jara membreco (2014) kaj tiuj, kiuj lin konis lin ne forgesos.

**Rob Moerbeek**

kun la helpo de i.a. Benata Hengstmengel-Koopmans kaj Els van Dijk-Kuperus

ESPERANTO NEDERLAND

# ESPERANTO Zamenhoffesto

Esperanto Nederland decidis festi la Zamenhof-jaron la 28an de oktobro 2017 en la 'party-centrum Floor', proksime al la stacidomo de Lunteren.

**Certa programero estas koncerto de KAJTO! Ili jubileas kaj prezentas siajn kantojn!**

**Estas Kajto-kvarope:**




Plie estos diversaj prelegoj kaj aktivaĵoj dum tiu tago. Notu nun la daton!

Ni provos allogi ankaŭ homojn kiuj havos intereson pri la lingvo. Eble okazas rapidrendevuado aŭ rapid-kurso. Ni komencas en la mateno kaj poste lunĉas. Post la koncerto de Kajto eblas partopreni al komuna bufedo, aparte mendebla.
Detaloj de tiu ĉi tago ankoraŭ ne estas konataj. Ni poste sciigos tion al vi.

**Nederlanda Esperanto-Junularo** organizos en la ejo 'Goudsberg' en Lunteren dum la sama semajn-fino sian 'Klaĉ-Kunveno Post-Somera' (KKPS). Ni invitas ilin ĉeesti la programon en 'Floor'. En sabato tradicie estas ilia halovena balo, kiu okazos en 'Goudsberg' Eble vi emas partopreni. Pli da informoj pri KKPS: http://kkps.esperanto-jongeren.nl/

Informoj pri la festo en 'Floor' ĉe Esperanto Nederland,
Andries Hovinga, e-mail: andries.hovinga@tiscali tel. mobiel +31628916262

info@esperanto-info.nl

FENIKSO
22a jarkolekto, n-ro 4
julio-aŭgusto 2017

*Eventueel retouradres:*
Esperanto Nederland
Gerrit Berveling
Van Vredenburchtweg 435
2284 TA Rijswijk

PostNL
Port betaald
Port payé
Pays-Bas